# ESPERANTISTO SLOVAKA

**N-ro 2/2004**

Socikultura kaj informa gazeto de skef

ISSN 1335-5031

Fondita en 1946 de Ernesto VÁŇA


## NI VIVAS NUR HODIAŬ

Ni pasigis kelkajn feriotagojn en kampara familio. Malgranda Kalomano estis la stelo de la familio. Li daŭre surprizis nin per sia vivĝojo, energio kaj kaprica, neniel antaŭvidebla konduto. La avino, la patrino kaj la fratoj dediĉis multe da tempo al li, por ke li spertiĝu. La vivo en tiu ĉi familio elradiis spontaneecon. Ni ne multe babilis pri la pasintaj tagoj. Ni ne multe planis la venontajn. Sed ni intense ĝuis ĉiun momenton, same kiel malgranda Kalomano. Tiu ĉi sperto multe pensigis kaj inspiris min.




Mi ŝatas komuniki ĝin al tiuj homoj, kiuj senhalte lamentadas pri la pasinteco kaj tiel forpelas siajn amikojn kaj parencojn, teditaj pro tro da plendoj. Mia sperto ankaŭ povus inspiri homojn, kiuj tiom multe zorgadas pri la estonteco, ke ili forgesas ĝui la nuntempon. Mi ne volas kritiki homojn, kiuj interesiĝas pri la pasinteco de individuo aŭ pristudas la historion de societo por fari el tio utilajn konkludojn. Mi ankaŭ ne volas kritiki homojn, kiuj planas siajn laborojn. Cetere MsN neniam volas kritiki, sed nur foje transdoni atestojn de plenhoma feliĉo aŭ foje konsili kaj konsoli tiujn, kiuj perdis la vivĝojon.

Sed mi pensis, ke okupiĝi pri la estinteco aŭ estonteco estas - neeviteble necesa - fuĝo el la nuntempo. Se tia fuĝo fariĝas tro ofta, ĝi malhelpas nin por ĝui la vivon. Ĉar fakte, ni vivas nur hodiaŭ.

*Kiam vi kree engaĝiĝas en la vivo, vi ne havas tempon por malsano aŭ laceco. Se vi aktivas kaj plenenergias, la nunaj momentoj ŝajne preterflugas kaj ne restas tempo por deprimo aŭ por kovi zorgojn. Vi ne plu spertas problemojn, kvankam la 'fundo' de via vivo troviĝas en la identa realeco. Ĉiufoje kiam, en mia konsultejo, mi renkontiĝas kun iu, kiu suferas pro deprimo, mi malkovras, ke la saniga kuracilo estas kontentiga aktiveco. La fina solvo ne troviĝas en la rea fosado de memoraĵoj el la juneco, en la kulpigo de siaj gepatroj aŭ de aliuloj, sed en la helpado por retrovi la vojon al pli da ligiteco kun la vivo. Aktivaj homoj nur malofte havas tempon por lamigaj problemoj. Esti tro okupita ankaŭ povas esti malsano, sed la esenca mesaĝo estu, ke la vivo en la nuntempo estas la plej forta medikamento kontraŭ emocia perturbo aŭ deprimo, iam ajn malkovrita.*

*La kapablo vivi en la nuntempo estas konduto kultivenda en la ĉiutaga vivo.*

*Citaĵo el la furora libro 'La ĉielo estas la limo' de usona aŭtoro kaj terapeŭto Wayne DYER*

**Levilkarto nr. 5, septembro - oktobro 1991**

## Enhavo



Abonpago

En la jaro 2004 la jarkolekto (kvar numeroj) por slovakoj kostas 150 Sk, por eksterlandanoj pro pli altaj sendo-kostoj 200 Sk. Tamen se iu emas per pli alta monsumo subteni la eldonadon, la redakcio tion akceptos kun dankemo.

Vi povas pagi per la poŝtpagilo kun la mencio „ES 2004“ al la adreso de la teknika redaktorino (M. FEIFIČOVÁ, A. Bernoláka 25/5, 010 01 ŽILINA). Laŭeble bonvolu sendi la informon pri la pago al ŝia poŝta adreso aŭ al ŝia retadreso <esperanto.fejfi@vud.sk>.

*Rekomendite estas sendadi komunan kelkpersonan pagon nome de tuta E-klubo - tiukaze bonvolu nepre sendi al la teknika redaktorino liston kun la nomoj kaj adresoj de la abonantoj.*

GRAVE: La unuan ĉijaran numeron de *ESPERANTISTO SLOVAKA* ni sendis al ĉiuj, kiuj abonis ĝin por la jaro 2003. La postajn numerojn ni sendas nur al tiuj, kiuj pagis la abonon por la jaro 2004. Tiuj, kiuj pagos pli poste, ricevos nur la numerojn poste eldonitajn.

La redakcio kore dankas al vi.

Pluaj abonantoj de Esperantisto Slovaka por la jaro 2004:

*Peter BALÁŽ, Partizánske; Eva BREZÁNIOVÁ, Rajec; Anna DVOŘÁKOVÁ, Tvrdošín; Ladislav GOMBOŠ, Janík; August GROSCH, Halle (Saale), DE; Milan HAJTMANSKÝ, Ružomberok; Darina HOFEREKOVÁ, Liptovský Mikuláš; Irena HROMADÍKOVÁ, Považská Bystrica; Tibor KEPENCAY, Dunajská Lužná; Folkmar KOLLER, Vieno, AT; Dušan KOSTOLNÝ, Ružomberok; Ľudmila LUKÁČKOVÁ, Piešťany; Lucia MIKULOVSKÁ, Žilina; Pavel MURGAŠ, Banská Bystrica; Karl NIMMRICHTER, Bischofswerda, DE; Oľga NOVOTNÁ, Bratislava; Viliam RÁC, Partizánske; Helena SERES, Vlčany; Renáta STAŇOVÁ, Žilina; Katarína STEELE, Streda N/Bodrogom; Vladimír SUROVČEK, Liptovský Hrádok; Vladimír ŠKUTA, Liptovský Hrádok; Alojz ŠVORC, Bratislava; Elena TERJUNG, Duisburg, DE; Anna TOMÁŠKOVÁ, Martin; Jindřich TOMÍŠEK, Říkovice, CZ; Ján VAJS, Liptovský Mikuláš; Josef VOJÁČEK, Vyškov, CZ; Mária WERTLENOVÁ, Bratislava.*

*Por la kontribuaĵoj de tiu ĉi numero ni dankas al:*
*Teodor ANDREAS, Peter BALÁŽ, Magdaléna FEIFIČOVÁ, Juraj GONDŽÚR, Darina HOFEREKOVÁ, Martin MINICH, Zlatica PÁLFYOVÁ, Pavol PETRÍK, Viliam RÁC, Jarmila RECHTORISOVÁ, Vlado SLÁDEČEK, Katarína STEELE, Mária TOMAŠOVIČOVÁ, Jindřich TOMÍŠEK;*
*aliaj informoj estas transprenitaj el la Interreto.*

Fino de la redakta laboro: 07-06-2004
Eldonkvanto de la numero: 100 ekzempleroj

Redakta konsilantaro:
Ľubomír FAJTH *(ĉefredaktoro)*
Katarína STEELE
Rastislav ŠARIŠSKÝ
Magdaléna FEIFIČOVÁ *(teknika redaktorino)*
Magda ŠATUROVÁ *(lingva redaktorino)*

Adreso de la redakcio:
Ľubomír FAJTH
018 01 UDIČA - Prosné č. 161
tel.: 0907/486 866
*retpoŝto:* <esperantisto.slovaka@esperanto.sk>

La kontribuaĵojn por la n-ro 3/2004 ni atendas ĝis la 15-a de aŭgusto 2004

## LA 22-A ASCENDO TRANSNEĜE SUR MONTOPINTON POLUDNICA

De la 9-a ĝis la 11-a de januaro 2004 okazis en civito LIPTOVSKÝ JÁN Esperanta renkontiĝo de vintraj turistoj kaj vojaĝantoj kun ĉefa celo - montgrimpado al la pinto POLUDNICA.

La tuta renkontiĝo de (plejparte ) esperantistoj el Slovakio kaj Ĉeĥio efektiviĝis en la pensiono *U Grečnera* en LIPTOVSKÝ JÁN. Vespera programo vendreda estis plenigita per prelegoj. Oni oratoris pri naturprotektaj ekspedicioj de Milan ZVARA (Marián ŠTURCEL). Sekvis prelego pri Tibor SEKELJ kaj Mongolio (Ján VAJS).

Sabate estis ascendo sur montopinto POLUDNICA, kiun partoprenis preskaŭ ĉiuj (27 el 34) ĉeestantoj. Estis nebulo dum tuta ascendo, bedaŭrinde ankaŭ je la montopinto, el kiu - laŭdire, estas belega elrigardo je Liptova regiono. Neĝo, kuŝanta ĉie, blankigis nian tutan ascendon, temperaturo estis ĉirkaŭ nulo. Sur montopinto oni poste konstruis (pli precize almetis al jam ekzistanta parto sian parteton - alportitajn ŝtonojn, kiuj jam estiĝis tradicio de la evento) Esperanto - obon. (Por tiuj, kiuj ne scias: *Obo* devenas el Mongolio kaj estas kvazaŭ „sanktpunkto“, preĝloko, konstruita plejparte de ŝtonoj je iuj gravaj lokoj - similas al ŝtonaro elkreantaj turon, pinton.).

Post descendo el POLUDNICA vizitis preskaŭ ĉiuj ascend-adeptoj basenon kun termala akvo en hotelo *Máj*. Ni havis belajn travivaĵojn. Sabate vespere estis denove interesaj prelegoj: *El avinja skatoleto*: Juraj GONDŽÚR, Magdaléna FEIFIČOVÁ - TUTA, Miroslav VALÁŠEK - DANUBO en Rumanio kaj tuta vojo, Peter HOLÚBEK - Krym, Petr CHRDLE - Eldonejo KAVA-PECH, Ĉina UK 2004, Martin MINICH - Petveturado.

Dimanĉe antaŭtagmeze al ni la vilaĝestro montris malnovajn kulturmemoraĵojn (ĉefe kastelojn, kiuj vere abundas en tiel malgranda vilaĝeto), kaj li akompanis nin poste al loka muzeo. Hejmen ni revenis kun multaj interesaj ekkonoj, „Liptovaj inventoj“, neĝplena humoro kaj belaj rememoraĵoj. Dankon kaj aplaŭdon al la organiza teamo.

**Fine kelkaj faktoj:**

***Vetero dum ascendo:*** nebule, iom da neĝo, temperaturo sub nulo.

**Obo-konstruado:**

***Entute suprenportitaj ŝtonoj:*** 42,62 kg.

***Plej pezan ŝtonon suprenportis*** Miroslav VALÁŠEK – 14 kg

**Plej juna supreniranto:** Rasťo PROCHÁZKA

**Plej maljuna supreniranto:** Vladko SUROVČEK

**Viliam RÁC, Peter BALÁŽ**

## KIAL MI PREFERUS ESTI TESTUDO KAJ NE GEPARDO (ZOOSOCIOLOGIA ESEO)

Se ia Grandpotenca Sinjoro demandus min, ĉu mi dezirus esti testudo aŭ gepardo, tuj mi respondus senhezite: mi preferus esti testudo! Kial? Ĉar la testudo estas trankvila, malrapida besto neniam rapidanta ien kaj tial ne minacata per kor-kolapso. La testudoj estas plejparte vegetaranoj, tial ilia tagmanĝo staras surloke, ne forfuĝas, ĉu temas pri maraj herboj kaj algoj aŭ pri salato, karoto kaj aliaj legomoj en terarioj. La testudo povas malrapide aliri sian manĝaĵon kaj kun stoika trankvilo ĝin konsumi.



Eĉ malpli da energio devas eldoni la karnivora testudo: enfosiĝinte sin en la sablon de marfundo ĝi nur kuŝas kaj kuŝas kun malfermita buŝo kaj trankvile atendas, ĝis kiam ia naiva fiŝeto, miskonante ĝian moviĝantan, verm-aspektan rozkoloran langeton, alnaĝas tute proksimen, esperante, ke ĝi manĝos. Anstataŭ tio la testudo abrupte fermas sian buŝon: ham! kaj la fiŝeto estas manĝita! La tagmanĝo venis mem en la buŝon! (Tre simpatia afero...)

Malfeliĉa ja estas la sorto de la gepardo. Ĝia tagmanĝo - ho, mia Dio - kapablas tre rapide kuri! Do, se la gepardo estas malsata, ĝi devas kuri almenaŭ iomete pli rapide, ol ĝia tagmanĝo. Malgraŭ tiu ege rapida kurado ne ĉiu kurado finiĝas per sukceso. Kaj eĉ se la pena, rapidega kurado finiĝas per kapto de antilopo, absolute ne estas certa, ĉu ĝin formanĝos la gepardo. Ĉiuokaze ĝi devas klopodi kaj ankoraŭ anhelante, haste manĝegi almenaŭ iom, bone sciante, ke tiu ebleco ne restos longdaŭra. En afrika savano absolute ne eblas rapidege kuri, kapti ian predaĵon kaj resti nerimarkita por ĉieprezencaj okulparoj de aliaj, eterne malsataj bestoj. Baldaŭ post kiam la gepardo komencis tagmanĝi, ekaperas neinvititaj gastoj, dezirantaj partopreni la festmanĝegon: aro da hienoj kaj vulturoj. Tiuj lastaj estas - almenaŭ dekomence - dece paciencaj, sed la hienoj estas multnombraj kontraŭ la unusola gepardo, kaj arogantaj. Tre ofte ja ekaperas la plej granda manĝegulo, ĝia Reĝa Moŝto Leono la Minesciaskioma - kaj simple, sen ia burokratismo - forprenas la predaĵon de povra gepardo, kvazaŭ tio estus la plej memkomprenebla afero. Tiu povrulo povas nur el sekureca distanco malgaje rigardi, kiel estas fortrenata la rezulto de ĝia penega kurado, murmurante:"... almenaŭ diru ian dankesprimon, Via Besta Reĝa Moŝto!"



Kia do estas la morala instruo de tiu kazo? Ju pli granda estas la rabobesto, ju pli grandan buŝegon kapablas malfermi, ju pli timigan hurlegon kapablas aŭdigi, ju pli danĝerajn ungegojn aŭ aliajn armilojn kapablas montri, des pli facile ĝi povas vivteni sin: sufiĉas simple forrabi la predaĵon de malpli granda rabobesto!

Se vi opinias, ke similaj interrilatoj ekzistas ankaŭ en homa socio, vi estas brila observanto kaj via kapo servas ne nur kiel portilo de ĉapelo...

Ne, mi ne volus havi tian malfacilan gepardan vivon. Tial mi preferus esti testudo kaj vivi komforte, malrapide, eĉ enuige, sed longe...

*Per tiu-ĉi artikoleto mi deziras saluti la gepartoprenantojn de la SKEF-kongreso - esprimante samtempe mian bedaŭron, ke la Sorto - tiu malbona rabobesto - malebligis al mi ĉeesti persone.*
*Saluton, geamikoj!*

**Teodor ANDREAS, Košice**

## ESO – ESPERANTA SOCIETO BRATISLAVA - RAPORTO PRI LA AGADO

La **ESO-jarkunveno** okazis en aprilo 2004. Dum la sekvata jar-periodo neniu forpasis, unu ano malaliĝis, venis unu nova ano; entute **ESO havas 33 anojn**. Dum la jaro 2003 estis eldonitaj kvar numeroj de **ESO-kuriero** sub la redaktato de Miroslav VALÁPKA kaj Mária TOMAŠOVIČOVÁ. En Bratislava en *Quo Vadis* okazadis tradiciaj **renkontiĝoj de IKUE**. BEKO – **Bratislava E-klubo** - reviviĝis per agado de Ján VAJS kaj bratislavaj gejunuloj, kiuj renkontiĝas ĉiun malparan mardon en la *Kulturdomo* sur *Vajnorská-strato*. Al la **pasintjara agado** krom la jarkunveno apartenas la dekkapa septembra ***EMAKARO***, internacieca pro partoprenantoj el Hungario, Aŭstrio, eĉ kubano, oktobra ***Ĉedanuba renkontiĝo de Ernesto GELETA***, kun 18 partoprenantoj same internacieca, partopreno en ***Kreiva metiejo*** en TOPOĽČIANKY, decembra ***AEROV*** kun Zamenhofa vespero en VIENO kaj ***HURAS*** kun 30 partoprenantoj el kvar landoj inkluzive de Kroatio. Aprile 2004 okazis enkadre de la turismado 12 monatoj/12 montopintoj ***grimpado al ZÁRUBY*** kun kvar grimpantaj partoprenantoj kaj unu japana observanto. **Por la jaro 2004** oni planas viziti ***Nacian Tombejon en MARTIN*** (aŭguste), organize certigi ***SAT-kongreson*** kaj ***ILEI-konferencon*** en BRATISLAVA (same aŭguste), septembra ***EMAKARO*** gvidos al DEVÍNSKA KOBYLA, ***Ĉedanuba renkontiĝo de E. GELETA*** okazos ĉifoje en ŠTÚROVO/ESZTERGOM, decembra ***AEROB*** komenciĝos en VIENO kaj finiĝos en BRATISLAVA kaj en februaro 2005 oni planas organizi ***HURAS-on*** en Slovakio.

**Laŭ la raporto de Martin MINICH, la ESO-vicprezidanto, kompilis M. FEIFIČOVÁ**

## OSES – OKCIDENTSLOVAKIA ESPERANTA SOCIETO
### RAPORTO PRI LA AGADO EN LA JARO 2003 KAJ AGADPLANO POR LA JAROJ 2004-2005

**Membrobazo:** en la jaro 2003 OSES havis 18 pagintajn anojn. Por la jaro 2004 la membrokotizon en la alteco de cent aŭ kvindek kronoj pagis jam 13 anoj. La 18-an de februaro 2004 forpasis en sia 81-a vivojaro nia ano s-ro Jozefo KRISTIÁN.

**OSES en la jaro 2003 organizis:** la 8-an de marto en BRATISLAVA sian regionan renkontiĝon kun partopreno de kvin OSES-anoj; la 26-an de aprilo turisman renkontiĝon en ČERVENÝ KAMEŇ kun partopreno de 5 anoj; la 21-an de junio la 6-an Esperantan bazaron en DUNAJSKÁ STREDA kun partopreno de 2 anoj; la 22-an de novembro la 5-an Esperantan filmfestivalon en BRATISLAVA kun partropreno de 9 esperantistoj.

**OSES-aranĝoj en la jaro 2004:** la 6-an de marto la OSES-konferenco en Bratislava kun partopreno de 5 anoj; la 26-an de junio la 7-a Esperanta bazaro en Dunajská Streda; la 11-an de septembro la renkontiĝo “Tago de vino” en BRATISLAVA-RAČA; la 6-a EFIFO en BRATISLAVA okaze de alveno de novaj Esperantaj filmoj.

**Libroservo:** Esperantaj lernolibroj, vortaroj kaj bel-literaturo estas ekspoziciitaj kaj aĉeteblaj en E-bazaro, regiona renkontiĝo aŭ konferenco kaj dum EFIFO; eblas aĉeti ankaŭ perpoŝte.

**Eldonado:** en la jaro 2003 aperis tri numeroj de bulteno *Voĉo de OSES*; ĉijare oni planas eldoni same tri numerojn.

**Agadplano de OSES por la jaroj 2005-2007:** organizi 4-5-foje jare unutagajn renkontiĝojn en okcidentslovaka regiono; en la jaro 2007 organizi konferencon de OSES; eldoni bultenon *Voĉo de OSES*; vendadi, donaci el nia biblioteko esperantajn lernolibrojn, vortarojn, librojn; instrui Esperanton al dezirantoj; kunlabori kun SKEF, ESO, MEL, ERSO kaj kun eksterlandaj E-organoj.

Al la **komitato de OSES** estis elektitaj: s-anino Nataša ŠÁNDOROVÁ (prezidantino, mastrumantino), s-anino Zlatica PÁLFYOVÁ (vicprezidantino, sekretariino, redaktorino de bulteno, kronikistino), s-ano Ladislav CSÁSZÁR (membro, teknika redaktoro de la bulteno), s-ano František POBOČEK (kontroloro).

**Laŭ la raporto de Zlatica PÁLFYOVÁ**

## FABELO, KIUN MI AŬDIS ANTAŬ 50 JAROJ, KIAM MI KOMENCIS VIZITADI LA KLUBON, SED KIU EĈ HODIAŬ ESTAS AKTUALA

*Malantaŭ montoj, valoj estis reĝolando, en kiu vivis reĝo, reĝino kaj ilia filino Anjo, kiu estis bela, sed iomete obstina; ŝi ne volis edziniĝi. Sed post longa persvadado fare de patrino poste ŝi konsentis, sed nur sub unu kondiĉo: Ĉiu kandidato donu al ŝi unu demandon. Venki povos nur tiu, kies demandon ŝi ne respondos. Reĝaj heroldoj anoncis al ĉiuj princoj, nobeluloj en ĉirkaŭaĵo certan tagon, en kiu ili povos veni kaj lukti pri favoreco de princino Anjo.*

*En alia loko estis lando Slovakio, kie vivis homoj laboremaj, sed malriĉaj. Dum laboro en la kampoj ili kantis: 'Malriĉa estas ĉi tiu lando' (Chudobný je ten náš kraj).*

*En montara regiono vivis familio, kies filo, Jano, decidis serĉi la feliĉon ie en la mondo. Panjo bakis brasikkukojn, paĉjo alpakis botelon da vitamino "So" kaj Jano ekmarŝis . Post certa tempo li venis ĉefurbon de reĝolando, kie svarmis multaj homoj. Li scivoleme demandis, kio okazas. "Princino elektas sian edzon, sed havas strangan kondiĉon. Venkos tiu, kies demandon ŝi ne estos kapabla respondi," informis lin iu persono. Jano longe ne hezitis kaj ekpaŝis al reĝa kastelo. En tiu tempo jam lasta princo forlasis la kastelon malvenkita. Reĝaj gepatroj jam estis malesperaj, princino Anjo ridetis, ke ŝi restos ĉe la panjo, kie estas plej bone. Sed subite reĝaj heroldoj anoncis: "Venas Jano el Slovakio!"*

*Slovakio? Kie ĝi situas? Kiaj homoj tie vivas? Okuloj de ĉiuj turnis sin al la pordo: ili supozis, ke venos iu majesta nobelulo, sed venis gaja junulo en tola vestaĵo, salutis reĝan familion kaj kortegaron. Reĝo invitis lin fari ian demandon al la princino. Ŝi rigardis liajn okulojn kaj perdis sian memfidon. Tiom da sincereco ŝi ankoraŭ ne vidis. Sed kortegaro jam malpacience vokis: "Demandon, demandon!" Jano alproksimiĝis al princino kaj demandis: "Estimata princino, diru al mi, en kiu klubo oni parolas nur esperantlingve?" Ekregis profunda silento, kaj post momento princino ekbalbutis: "Mi ne scias." Komenciĝis granda jubilado, oni tuj preparis edziĝfeston, por ke la junulo ne forkuru. Sed Jano en tiu tempo estis jam malsata, el sia pendosako eltiris du lastajn brasikkukojn, unu proponis al princino Anjo, la duan li mem formanĝis.*

*Princino decidis iri kun Jano Slovakion. Kvar ĉevaloj tiris la ĉaron kun doto de princino. Ili komencis vivi en paŝtista kabano. Anjo lernis baki brasikkukojn, nur iomete kverelis kun patro, rifuzis lian vitaminon "So", ĉar kiel vegetaranino estis sufiĉe vigla, kaj ne bezonis stimuli la viglecon. Ankoraŭ estas konata fragmento de la kanto 'Ili ambaŭ vivas pare, nur vegetare'.*

*Ĉiumatene, kiam Jano ellitiĝis, malfermis la pordon kaj kantis al ŝafaro kaj al arbaroj 'Ej, ta moja, nemoja' (Ho, tiu mia, ne mia).*

*La patro antaŭvidis la sekvojn de ĉio kaj pligrandigis la kabanon. Post preskaŭ unu jaro naskiĝis filo Jano, post dua jaro filino Anjo, poste sekvis Jurko la Granda, Magda, infano de lumo, Miro, Iveta, Martin kaj la lasta kaj la plej bela estis Jolano, al kiu antaŭvespere junuloj kantis sub fenestro 'Kion havas en maneto'. Poste jam cikonio ne vizitadis la familion.*

*Reĝo, patro, inventis monon, aperis novaj uzinoj, kooperativoj kaj la popolo vivis feliĉe.*

*Se vi renkontos Janon, Anjon, Jurkon, Magdon, Miron, Iveton, Martinon, Jolanjon, sciu, ke ili estas idoj de prapatroj Jano kaj Anjo, kiuj al Slovakio alportis feliĉon.*

*Nun eksonis sonorilo kaj de fabelo estas fino kaj antaŭ ni estas malmola realeco...*



**Vlado SLÁDEČEK, CZ**

## MEL - MEZSLOVAKIA E-LIGO - LA JARKUNVENO

La jarkunvenon, okazintan sabate la 29-an de majo 2004 en BREZOVÁ P/BRADLOM, gvidis Juraj GONDŽÚR.

**Anna TOMÁŠKOVÁ el MARTIN** raportis pri ses pagintaj membroj, el tio du simpatiantoj. Dum du jaroj okazis pro malsanoj nur kvar renkontiĝoj. Neniu partoprenis la konferencon en HANDLOVÁ. La anoj pagis kotizon kaj abonis *Raportanton*. J. GONDŽÚR rekomendis eluzi por E-instruado la lokulon Stanon MARČEK.

**Irena HROMADÍKOVÁ el POVAŽSKÁ BYSTRICA** raportis pri kvar anoj, fakte du geedzaj paroj, kiuj planas helpi en arkivaj laboroj kaj propagandi E-kurson. Bedaŭrinde la montroŝranko ĉe *Domo de Kulturo* ne plu funkcias. J. GONDŽÚR rekomendis uzi la iam preparitajn afiŝtabulojn.

**Irma ČERNÁ el PÚCHOV** restis nur unuopulino.

**Vladko SUROVČEK el LEK** raportis pri ok anoj. Oni partoprenas turismajn aranĝaĵojn, nome 12 monatoj/ 12 montopintoj, biciklajn veturojn laŭ la DANUBO, organizis tre sukcesan Kreivan metiejon en TOPOĽČIANKY, Ján VAJS eldonis verkon de M. DOBROVIČOVÁ *Knabino kun vizaĝo de Luno*.

**Juraj GONDŽÚR** raportis pri agado de **EK en ŽILINA**, kiu regule renkontiĝas ĉiulunde, informante pri E-movado, poresperantaj aktivecoj kaj okazigante E-kurson. En la estraro laboras J. GONDŽÚR, Ľ. FAJTH kaj Jolana STANÍKOVÁ, la 13-an kronikon skribas Martin MAJTÁN. La klubo eldonas *Raportanton* kaj efike kunlaboras ĉe eldonado de *Esperantisto Slovaka*. En la stacidomo estas murafiŝo kun informoj pri Esperanto. Malkontentiga estas informado en ĵurnaloj (krom la artikolo pri Stano MARČEK) kaj preparado de interreta paĝo. La klubo organizis la konferencojn en HANDLOVÁ kaj en BANSKÁ ŠTIAVNICA, du anoj (J. GONDŽÚR, J. STANÍKOVÁ) partoprenis la UK-on en GOTENBURGO. J. GONDŽÚR kaj Ľ. FAJTH partoprenis la Konsultiĝon de mezeŭropaj landoj en pola GLIWICE. Por POLUDNICA estis preparitaj du prelegoj pri TUTA (J. GONDŽÚR, M. FEIFIČOVÁ) kaj pri laŭdanuba biciklado (M. VALÁŠEK). Kreivan metiejon partoprenis per siaj verkoj Janka KOSTOLNÁ, Lucia MIKULOVSKÁ, Eva BREZÁNIOVÁ. Membroj de UEA estas J. GONDŽÚR, M. FEIFIČOVÁ, M. MAJTÁN, Ľ. FAJTH.

**Pri MEL-agado entute** ankaŭ raportis **Juraj GONDŽÚR**.

**Okazis** kvar estrarkunvenoj kaj unu konsulta kunveno.

MEL havas **49 membrojn**, el tio ok en HANDLOVÁ, ok en LEK (Liptova E-klubo), ses en MARTIN, ok en POVAŽSKÁ BYSTRICA, unu en PÚCHOV, 18 en ŽILINA. Dek MEL-anoj **anas en UEA**, dumvivaj membroj estas Magdaléna FEIFIČOVÁ kaj Katarína STEELE. La **estraron** kreis Juraj GONDŽÚR kiel prezidanto, Miroslav VALÁŠEK kiel vicprezidanto, Lucia MIKULOVSKÁ kiel mastrumantino, Emília KVAŠŠAYOVÁ kiel revizoro. La konferencon en Handlová partoprenis 23 anoj.

El la **agado** elstaras kurso por progresintoj en EK ŽILINA ĉiulunde sub gvidado de Ľubomír FAJTH kaj L. MIKULOVSKÁ, kolekto de verkoj el la pasintjara *Literatura konkurso* eldonita sub redaktado de Magdaléna FEIFIČOVÁ, nombra partopreno de la *Kreiva metiejo* en TOPOĽČIANKY, sukcesa *Kristnaska vespero* en ŽILINA kun partopreno

de malnovaj membroj. Kvarfoje jare estas eldonata la bulteno de EK ŽILINA kaj MEL *Raportanto* sub redaktado de Lucia MIKULOVSKÁ, tri MEL-anoj (M. FEIFIČOVÁ, Vladimír NĚMEC kaj Ľubomír FAJTH) estas en redakta konsilantaro de *Esperantisto Slovaka*, eldonita dum la pasinta jaro kvarfoje en la eldonejo de *Výskumný ústav dopravný* (Transporta Esplorinstituto) en ŽILINA. Prizorgata estas la membro-bazo de slovakaj esperantistoj. Preparataj estas verkoj *Kiu estas kiu* ambaŭlingve pri slovakaj esperantistoj, unue en elektronika formo, enkomputiliĝas vortaro de E. V. TVAROŽEK kaj reeldoniĝos ties *Skizo de la E-literaturo*. Stano MARČEK propagandis Esperanton en elsendado de la televido TA 3. La arkivo en PLEVNÍK post la planata junia brigado estos preta akcepti la unuajn postlasaĵojn - de M. ZVARA kaj E. VÁŇA. Malkontentigas raraj kursoj de Esperanto kaj malkresko de aktivuloj.

La **financa stato** de MEL estas plusa. La revizian raporton tralegis Iveta MORGOŠOVÁ.

Surbaze de la statuto ĉi jaro devis esti por MEL ne nur balota, sed ankaŭ pro duperioda funkciado devis esti ŝanĝitaj membroj de la estraro. **Ĉar evidentiĝis neniuj kandidatoj por la nova estraro, post diskuto la partoprenantoj de la jarkunveno aprobis finiĝon de la agado de MEL.** Ĉefe pro la financaj aferoj (2 %, pagita membrokotizo, elspezoj por arkivo, ktp.) MEL oficiale funkcios ankoraŭ ĝis fino de la jaro 2004. Eksaj MEL-aj E-kluboj aliĝos al SKEF kiel memstaraj kolektivaj anoj. La unuopuloj povos aniĝi en la kluboj. *Raportanto* restos kiel bulteno de EK en ŽILINA.

**Siatempa kreo de la Mezslovakia E-Ligo konservis kontinuecon**
**de E-movado en Slovakio post la disfalo de SEA - Slovakia E-Asocio.**
**El sino de MEL kreskis la nova tutslovaka organizaĵo - SKEF.**
**Tio speguligu ĝian taskon en la historio.**

**Protokolis Magdaléna FEIFIČOVÁ**




Partoprenantoj de la SKEF-kongreso antaŭ unu el la kabanoj
*Foto: D. Hofereková*

Eŭropa himno

Kantu kune, amikaro,
Ni la ĝojon festas nur,
Nek rivero, nek montaro
Plu landlimoj estas nun.

Ho, Eŭropo, hejmo nia,
Tro daŭradis la divid'.
Nun brilegu belo via,
Ĉiu estas via id'.

Via flago kunfratigas
Homojn post milita temp',
Via leĝo nun kunigas
Civitanojn en konsent'.

Sub la ŝildo de la juro
Ni vivados en konkord'.
Tio estas nia ĵuro:
Unu land' kaj unu sort'.

Tra l'Malnova Kontinento
Nun laŭtiĝu nia kant',
Flugu per facila vento
En la lingvo Esperant'!

# LA 3-A SKEF-KONGRESO

## BREZOVÁ POD BRADLOM, 28. - 30. DE MAJO 2004

**La SKEF-kongreso, kiun organize certigadis ESO-anoj, okazis en agrable ekipita *Misia centro de evangelia junularo*. La partoprenantoj komencis kolektiĝi jam vendrede antaŭvespere. Vespere okazis publika kunsido de SKEF-konsilantaro, kiu ĉefe servis por pliklariĝo de la starpunktoj inter la junaj kaj pli aĝaj SKEF-membroj kaj serĉado de la novaj membroj de la estraro.**

**La kongreso mem komenciĝis sabate antaŭtagmeze per komuna kantado de E-himno. Post la posttagmeza ekskurso al la tombomonumento de M. R. ŠTEFÁNIK ĝi daŭris per la antaŭvespera diskuto kaj finiĝis per la akcepto de la rezolucio kaj kantado de Eŭropa himno dimanĉon antaŭtagmeze. Bone kaj sperte gvidis ĝin sinjorino Helena SERES, kiu komence petis pri la minuto de silento por niaj forpasintaj samideanoj Vladimír NĚMEC el ŽILINA (forpasis la 6-an de majo 2004), Jozef KRISTIÁN el DUNAJSKÁ STREDA (forpasis la 18-an de februaro 2004) kaj Anna HORŇÁKOVÁ el SENICA N/MYJAVOU (forpasis la 17-an de marto 2004). Estroj de unuopaj teritoriaj organizaĵoj raportis pri siaj agadoj (la jarkunveno de MEL okazis sabaton senpere antaŭ la kongreso), pri la agado kaj mastrumado de SKEF raportis ĝia prezidantino. Pri la agado de SKEJ raportis Martin MINICH kaj lian raporton ni alportos en la sekva numero de ES.**

**La enspezoj de SKEF-mastrumado en la periodo ek de la 1-a de januaro 2003 ĝis la 28-a de majo 2004 konsistis el la membro-kotizoj, partoprenkotizoj por la SKEF-kongreso kaj la jarkunveno en B. ŠTIAVNICA, abonpagoj por *Esperantisto Slovaka*. La elspezoj rilatas al presado kaj dissendo de *Esperantisto Slovaka*, antaŭpago por la eldonado de ES, UEA-membrokotizo por la jaro 2003, la funebra florkrono kaj la organizaj elspezoj.**

**La mandata komisiono konstatis partoprenon de 27 delegitoj, en tio 7 ESO-anoj, 2 OSES-anoj, 13 MEL-anoj, 1 ERSO-ano, 5 SKEJ-anoj (partoprenis ankaŭ tri gastoj el Ĉeĥio, Hungario kaj Aŭstrio; la lastaj du tamen estas anoj de ESO). Por la estraro de SKEF estis balotelektitaj Juraj GONDŽÚR kiel *prezidanto*, Peter BALÁŽ kiel *vicprezidanto*, Mária TOMAŠOVIČOVÁ kiel *mastrumantino*. La *revizorino* estas Zlatica PÁLFYOVÁ. La *ĉefdelegito* restis Milan NEUBELER. Al la redakta konsilantaro de *Esperantisto Slovaka*, kiu restis sub la gvidado de ties *ĉefredaktoro* Ľubomír FAJTH, aldoniĝis Rastislav ŠARIŠSKÝ kiel**




Nova SKEF-estraro: J. Gondžúr, M. Tomašovičová, Z. Pálfyová, P. Baláž - gratulas ilin H. Seres
Foto: D. Hofereková

**respondeculo pri interretaj novaĵoj kaj la forpasintan *lingvan redaktoron* Vladimír NĚMEC anstataŭis Magda ŠATUROVÁ.**

**Dum la diskuto oni traktis eventualan aniĝon en Eŭropa E-Unio, ŝanĝon de la statuta sidejo de SKEF, aniĝon de teritoriaj organizaĵoj en SKEF (laŭstatute SKEJ, kiu ne estas teritoria organizaĵo en senco de la SKEF-statuto, povas esti kunlaboranta organizaĵo), serĉis novan ĉefredaktoron por redakta konsilantaro de *Esperantisto Slovaka*, aŭdis pri recenzo de noveldonita E-lernolibro en *Učiteľské noviny* (Porinstruista ĵurnalo) kaj intervjuo kun Alica KOMLÓŠI kaj Martin MINICH en *Rock FM Radio*, starigis demandojn pri nederlandaj bildoj kaj biblioteko, kiuj estis posedaĵoj de SEA, kompilis kalendaron de SKEF-aranĝoj por kuranta jaro, komisiis Stanon MARČEK reprezenti SKEF-on dum la ĉijara UK en PEKINO, konstatis intereson pri la partopreno dum la venontjara UK en VILNIUSO, aŭdis informon pri SAFE-aranĝaĵoj, kaptis ideon pri ĉerpado de mono el eŭropa fonduso pri regiona kunlaboro.**


Partoprenantoj de la SKEF-kongreso
sub la tombomonumento de M. R. Štefánik

**Bonan punkton al la diskuto donis la opinio de nia hungara gasto László TÓTH el Pécs pri tio, ke unue ni mem devas bone paroli Esperanton, ĉar aliel ni ne havas rajton proponi ĝin kiel la parollingvon por la aliaj; nur la praktika uzado de Esperanto en ĉiutaga vivo povas kapti atenton de aliuloj.**

**La rezolucio el la tria kongreso de SKEF konstatis, ke la partoprenintoj**

- **§ *akceptis* informojn pri la agado de la teritoriaj organizaĵoj (ESO, OSES, MEL) en la jaro 2003 kaj pri la agado de SKEF en la sama jaro;**
- **§ *komisiis* al OSES organizi la tutslovakan renkontiĝon en majo 2005, al la SKEF-estraro fari paŝojn por ekscii pli da informoj pri Eŭropa E-Unio kaj kaze de la ambaŭflankaj avantaĝoj aliĝi dum la novembra SKEF-konsilantaro kaj sekve plialtigi la SKEF-kotizon por la jaro 2005 je 50 kronoj;**
- **§ *aprobis* proponon de la agado por la jaroj 2004 - 2005; ŝanĝon de la Statuto en la punkto 'sidejo', kiu translokiĝu el POPRAD al ŽILINA; redaktan skipon de Esperantisto Slovaka; kiel novaj anoj la E-klubojn en ŽILINA, MARTIN, L. MIKULÁŠ kaj POVAŽSKÁ BYSTRICA (kiuj laŭstatute devas skribe peti pri la aniĝo);**
- **§ *elektis* novan estraron de SKEF, ties revizoron kaj ĉefdelegiton.**

**Magdaléna FEIFIČOVÁ - Juraj GONDŽÚR**

Diris pri li:

*"...Li ofte parolis pri Slovakio kaj lia nacio kun profunda favoro plena de poezio kaj arda sopiro liberigi liajn samlandanojn." (M. JANIN, franca generalo kaj ĉefa komandanto de ĉeĥoslovaka armeo)*

*"Scienca genio, diplomata generalo, nobla homo sindonata al humanismaj servoj. Ĉu ekzistas pli perfekta esprimo de moderna heroeco?" (B. de JOUVENEL, franca sciencisto)*

*"Lia profunda kredo, kiu neniam konis hezitemon en tempo de necerteco aŭ deprimo ĉe nesukceso, estis absolute pura ne nur en kompreno, sed ankaŭ en rimedoj." (V. E. ORLANDO, prezidanto de ministerio)*

*"Tre kora, agrabla homo." (L. N. TOLSTOJ)*

*"Nur ununura loko en la tero signifis por li pli ol ordinara lando, tra kiu oni veturas. Nur ununura punkto sur la terglobo estis vera, kara, pri kiu li ĉiam parolis emocie." (V. TILLE, ĉeĥa universitata profesoro)*

# MILAN RASTISLAV ŠTEFÁNIK (1880 - 1919)

Kvankam slovaka nacia heroo M. R. ŠTEFÁNIK vivis nur mallonge, li postlasis ampleksan verkon.

Li naskiĝis la 21-an de julio 1880 en KOŠARISKÁ ĉe BREZOVÁ POD BRADLOM en familio de evangeliana pastro Pavol ŠTEFÁNIK. Li studis en evangelia liceo en BRATISLAVA. En la jaro 1893 li daŭrigis siajn gimnaziajn studojn en ŠOPROŇ, post unu jaro foriris al SARVAŠ, kie li en la jaro 1898 abiturientiĝis. En la sama jaro li ekstudis en PRAGO fakon de konstruinĝeniero kaj tuj kunlaboris en *Detvan*-grupo de slovakaj altlernejanoj. Li fariĝis ĝia sekretario, poste prezidanto. En la jaro 1900 li komencis studi en *Filozofia fakultato* astronomion kaj matematikon. Li forveturis al ZURIKO en la jaro 1902 kaj duonjaron li studis tie. Per tio li komencis sian veturadon tra Eŭropo kaj tuta mondo. En oktobro 1904 vicdekano, poeto kaj profesoro Jaroslav VRCHLICKÝ promociigis lin. Fine de aprilo 1905 ŠTEFÁNIK komencis labori en observatorio en MEUDON proksime de PARIZO. En junio li forveturis al CHAMONIX por prepari sin al sia unua montgrimpado sur MONT BLANC. En Hispanio aŭguste li observis tutan eklipson de la Suno. En la jaro 1906 ŠTEFÁNIK publikigis sep sciencajn astronomiajn verkojn. Ili estas unikaj sukcesoj de la juna scienculo en PARIZO. Dum 1907 li vizitis TOLSTOJ-on en JASNÁ POĽANA. En 1908 li laboris sur la pinto de MONT BLANC, kien li supreniris ses foje. Milan Rastislav ŠTEFÁNIK multe veturadis. En Alĝerio li okupis sin pri meteorologia mezurado. En aprilo li alvenis al Tunisio, de tie daŭrigis tra Malto al NAPOLO kaj ROMO. Junie li veturis al Britio, julie al ĜENEVO. Al Usono kaj Tahiti, kie li observis kometon de HALLEY kaj dediĉis sin al konstruado de meteorologiaj stacioj, li forveturis en la jaro 1910. Ne estas bone konate, ke li intencis alvoki slovakojn al Tahiti kaj fondi tie kolonion, sed post eksplodo de la unua mondmilito li ĉesis okupi sin per ĉi ideo. En 1911 en Novzelando, en la insulo Vavan, li observis eklipson de la Suno. En majo li estis en Fiĝi kaj Aŭstralio. La 27-an de julio ŠTEFÁNIK ricevis francan ŝtatanecon. Fine de aŭgusto li veturis tra LISABONO, Kanariaj Insuloj kaj Senegal al Brazilo, kie li observis la Sunon, kaj samtempe realigis diplomatinformajn servojn. En aprilo 1913 li alveturis en Slovakion por patropreni la entombigon de sia patro. Ĝi estis lia lasta vizito. ŠTEFÁNIK ne sciis, ke neniam plu li vidos siajn patrinon kaj gefratojn.




Komence de la jaro 1914 li revenis el Ekvadoro al PARIZO, kie operaciis lin konata ĥirurgo MONTPROFIT en la privata sanatorio, sed la operacio ne estis tre sukcesa. En la jaro 1915 li fariĝis soldato. Post tri jaroj li jam estis brigada generalo. En PARIZO decembre li forte komencis batali por nacia liberigo de slovakoj kaj ĉeĥoj. En februaro 1916 ekestis Ĉeĥoslovaka Nacia Konsilo. Ĝia ĉefa celo estis agnosko de memstara ĉeĥoslovaka armeo kaj estonta ĉeĥoslovaka respubliko. La 18-an de junio franca ministeria prezidanto proklamis lin franca generalo.

La 4-an de majo 1919 li forflugis el Italio hejmen. Ne longe antaŭ ol lia aviadilo alproksimiĝis al IVÁNKA ĉe BRATISLAVA, ĝi turniĝis kaj falis surteren. En ĝiaj rompitaĵoj mortis la granda filo de la slovaka nacio, generalo Milan Rastislav ŠTEFÁNIK, kune kun tri italaj aviadistoj.

Diris kaj skribis Milan Rastislav ŠTEFÁNIK:

*"Mi kredas je evoluo de scienco kaj pro tio je evoluo de ĉio, kio estas nobla kaj utila por la homaro."*

*"Probable ne estas vana mia klopodo, verŝajne mi konstribuis al konstruiĝo de la homa templego."*

*"Mi ŝatus agadi por mia nacio, kiun mi neniam ĉesis ami."*

*ŠTEFÁNIK enskribiĝis poreterne en la memoron de sia nacio. Li preskaŭ tuŝis stelojn. Li konis Eŭropon kaj la tutan mondon. Li estis la unua slovako, kiun konis la mondon. Eksterordinara homo: scienculo, inventisto, vojaĝanto, diplomato, generalo. Lia vivo estis kiel flugo de meteoro. Li mortis tre juna, nur 39-jara. Ankaŭ la posteŭloj de niaj posteŭloj fieros pri li. Li estas la nura slovako, pri kiu ni parolas kiel pri nacia heroo.*

Lia tombmonumento estis solene devualita la 23-a de septembro 1928. Ĝia aŭtoro Dušan JURKOVIČ skribis: "Mi provis krei la verkon indan de legenda vivo de ŠTEFÁNIK, plenan de harmonio kaj beleco."

**Jarmila RECHTORISOVÁ**

## RAPORTO PRI LA SKEF-AGADO

Antaŭ tri jaroj la 2-an de junio okazis la **2-a kongreso** de la Slovakia E-Federacio en ŽILINA. Laŭ la statuto de SKEF estis elektita trinombra ***estraro:*** Milan ZVARA (prezidanto), Mária TOMAŠOVIČOVÁ (vicprezidantino), Ladislav NULLÁSZ (mastrumanto), Katarína PUCHÁ (revizoro).

Fine de januaro 2002 **forpasis prezidanto** Milan ZVARA, kio estis granda bato ne nur por liaj proksimuloj, sed ankaŭ por nia E-movado. Tial en majo 2002 okazis **laborkongreso de SKEF**, kie estis ĝis la trijara balotperiodo elektita nova estraro: M. TOMAŠOVIČOVÁ (prezidantino), Juraj GONDŽÚR (vicprezidanto), L. NULLÁSZ (mastrumanto). La nova estraro daŭrigis laŭ la ĉefaj taskoj, kiuj estis proponitaj kaj aprobitaj dum la dua kongreso de SKEF por la jaroj 2001 - 2004. ***La ĉefa aktiveco en slovakia E-vivo estas kaj estos sur la ŝultroj de teritoriaj organizaĵoj kaj SKEF plenumas kunordigan rolon.***

Unuopaj punktoj de la **taskoj** estis kaj estas plenumataj, pri kio detale raportos reprezentantoj de regionaj organizaĵoj. Dank' al ĉiuj prezidantoj de ESO, OSES, MEL, ili plenumadis ĉiujn siajn taskojn, laŭ siaj antaŭe ellaboritaj planoj. Bedaŭrinde, ERSO post la forpaso de la SKEF-prezidinto M. ZVARA silentiĝis. Nur kelkaj gesamideanoj aktivas, sed tamen ni esperas, ke ERSO denove reviviĝos.

Bedaŭrinde, nian trinombran estraron forlasis el personaj kaj laboraj kaŭzoj **mastrumanto** L. NULLASZ. Post la antaŭa interkonsento ĉiujn financajn dokumentojn de s-ano NULLÁSZ alportis s-ano NEUBELER al prezidantino, kiu daŭrigis tiun-ĉi laboron.

**Eldonado de la gazeto** *Esperantisto Slovaka* estis sukcesa. La redakta komitato plenumis sian promeson. En la jaro 2003 estis eldonitaj kvar numeroj, kaj ni ĉiuj esperas, ke la eldonado regule daŭros. La gazeto estas interesa kun riĉa kaj aktuala enhavo.

Tiel same la **teritoriaj organizaĵoj eldonadas** siajn aktualajn bultenojn. Tio signifas, ke ĉiu membro de nia organizaĵo estas informita pri la unuopaj agadoj, kaj ĉiu povas partopreni la renkontiĝojn laŭ sia elekto kaj volo.

Personajn renkontiĝojn ni ofte solvis per moderna tekniko, per interreto.

Precipe mi devas mencii nian **junularon**. Ili kreis memstaran ***organizaĵon*** SKEJ, frunte kun Petro BALÁŽ. Dank' al ili estis kreita ***hejma paĝo de SKEF*** en interreto kaj ĝi estas regule aktualigita. Krom aliaj aktivaĵoj ili prezentas al vasta publiko Esperanton kiel vivan modernan kaj efektivan manieron de komunikado. Ili reprezentas Esperanton ne nur ĉe ni, sed ofte partoprenas renkontiĝojn en najbaraj landoj kaj invitas interesatojn en nian landon.

**Ĉu la lasta periodo estis sukcesa, aŭ malsukcesa?**
**Estas eble ĉiam fari pli multe. Sed al tio oni bezonas eblecojn kaj bonan volon.**
**Bedaŭrinde la nombro de niaj membroj estas senĉese pli malgranda.**
**Nombro de niaj membroj atingas nek numeron cent. Kial?**
**Certe ni bezonas gvidantojn kapablajn akiri novajn entuziasmajn membrojn,**
**kiuj estos kapablaj akiri novajn membrojn kaj montri novan vojon.**
**Ĉu la eniro en Eŭropan Union alportos al ni pli favorajn eblecojn?**
**Eble jes, sed tio dependas de ni, kiajn postulojn kaj eblecojn**
**ni povas proponi al reprezentantoj de EU.**

Denove pasis unu periodo, kaj ni esperu, ke nia nova estraro kun la helpo de ni ĉiuj sukcesos fari bonan paŝon kaj videbligi avantaĝojn de nia internacia lingvo Esperanto sur la kampo de internaciaj rilatoj.

**Mária TOMAŠOVIČOVÁ, SKEF-prezidantino**

*Sabatan vesperan programon prizorgis ESO-anoj. Krom vigla kantado de slovakaj kaj internaciaj kantoj en Esperanto kaj amuziga lotumado de premioj, kiam kelkfoje la aĵoj venis en la manojn de iliaj nebezonuloj aŭ eĉ aŭtoroj, oni povis vidi kelkajn skeĉojn, aŭdi salutigan eseon kaj ĉevalan poemon. Poste bona etoso kaj amikeca babilado regis ĝis profunda nokto.*

**Kantu, gaje kantu** (EVT – Spievajže si, spievaj)

Kantu, gaje kantu, kantema estaĵo, [: ĉar ja kanto estas :] la plej bela aĵo.

Kantu, kiam estas vi en humor' trista, [: ĉar kun kanto iras :] for pens' pesimista.

Kantu, ĉiam kantu, vintre kaj somere, [: kant' estas plej bela :] afer' monda vere.

**Sidas muŝo sur vando** (EVT - Šedži muha na sčene)

*R.: Sidas muŝo sur vando, sur vando ĉe l'rando,*
*sidas muŝo sur vando, ne flugas for.*

Dormas la muŝeto, eta kanajleto. Sidas muŝo sur vando, ne veku ĝin!

Sidas ĝi, dormetas, eĉ sin ne movetas. Sidas muŝo dormante, ne veku ĝin!

**Birde flugi volus mi** (EVT - **Keby som bol vtáčkom**)

Birde flugi volus mi trans land' arbara,
[: por rigardi, kion faras tie hejme panjo mia kara. :]
Ŝi ĉemizon kudras kaj sopiras je mi:
[: Filon mian foran, ĝojon mian solan, redonu al mi, Di'. :]

**Kies estas la belega birdo** (EVT - **Čože je to za prekrásne vtáča**)

Kies estas la belega birdo, kiu paŝas en la pastra korto?
[: Tie en granda kot' ŝi paŝas, piedojn ŝiajn bot' ne kaŝas,
piedojn ŝiajn bot' ne kaŝas, ho, mizera sorto! :]
Se la bela birdo mia estus, mi botetojn al ŝi tuj aĉetus
[: por plezur' ŝia unu paron, l'alian nur por silentigi
l'alian nur por silentigi la enviantaron. :]

**Nian puton** (EVT - **Pod tým naším okienečkom**)

Nian puton granda frosto kovris per glaci', tial akvon en la puto nun ne havas ni.
[: Prenos mian mi hakilon, kaj trahakos la glacion
kaj en nia puto akvo reaperos tuj. :]
Sub fenestro mia eta floras blanka flor'. Kial tristas, karulino, via juna kor'?
[: Pro nenio mi ĉagrenas, nur la kap' min doloregas,
nur la kap' min doloregas, ke vi estas for. :]
En ĝardeno ĉe la domo floras la lili', diru al mi, knabineto, kiun kisas vi?
[: Mi neniun knabon kisas, ĉar la knaboj min evitas,
ili ĉiuj min evitas, ĉar malriĉas mi. :]

**Trans la monto** (AKM - Za tú horu)

Trans la monto alta nia estas knabin' beltalia;
holaria-hoja, knabin' brunokula, knabineto mia fora!
Nokt' malhela, tage pluvas, al amatin' mi ne povas;
holaria-hoja, knabin' mia fora, knabineto, mi vin amas!
Tristaj estas adiaŭoj, malfeliĉas niaj koroj;
holaria-hoja, knabin' mia fora, doloregas niaj koroj!

**Macko - la ursido** (**E-originalo EVT, muziko Marta BENEŠOVÁ**)

Iris Macko frumatene en arbaron, trovis li en trua arbo abelaron.
Ekflarinte la odoron de mielo li pro ĝojo nazon levis al ĉielo.
Hurlis kaj la arbon frapis, faris bruon kaj enmetis sian nazon en la truon.
La abeloj incititaj per la bruo kolerege tuj elflugis el la truo
kaj atakis nian Mackon venkobate, zumegante kaj pikante senkompate.
Li ricevis multajn pikojn en la felon kaj forkuris forgesinte la mielon.
Nun li hejme en angulo veas, ploras, ĉar la tuta korpo ege lin doloras.
La instruo pri l'afero jenon diras: Tiel spertos ĉiu, kiu ŝteli iras!

## ILEI/UEA EKZAMENOJ EN BRATISLAVO

**Dum la semajno 2004.08.14/21 samtempe kun la Kongreso de SAT okazos en BRATISLAVO Konferenco de ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj).**

**Dum tiu tempo ILEI okazigos Internaciajn Ekzamenojn de UEA/ILEI je *elementa* kaj *meza* niveloj, do ni havos raran eblecon subiĝi tiujn ĉi ekzamenojn (kaj do ekposedi internacie agnoskatan dokumenton pri sia lingvoscio) rekte en nia lando.**

**Detalajn informojn pri Internaciaj Ekzamenoj de UEA/ILEI (kion oni bezonas scii? = „Postularo“ kaj aliajn informojn) vi trovos ĉe <http://www.uea.org/agadoj/instruado/index.html>.**

**Aliĝante ĝis la fino de junio 2004 slovakianoj ĝuas specialan rabatitan prezon: 360 SKK (aŭ 290 CZK por ĉeĥaj samideanoj). Vi ne devas esti kongresano de ajna kongreso por povi ekzameniĝi; t. e. krom la kotizo 360 SKK estas neniuj aldonaj kostoj (eble krom vojaĝkostoj). Por ĉeĥaj samideanoj la pagmanieron anoncos Petro CHRDLE - li certe anoncos banko-konton en Ĉeĥio.**




**Vi povas aliĝi (ĝis la fino de junio 2004 por la rabatita kotizo!) retpoŝte al la ILEI-sekretario Atilio ORELLANA ROJAS <iei001@tiscali.nl>. La kotizon oni povas pagi en Slovakio**

**§ al la konto de Esperanta societo Bratislava, en OTP Banka Slovensko, n-ro 7704916/5200 (vi povas pagi rekte en ajna branĉo de OTP Banka),**

**§ aŭ per transĝiro el via bankokonto,**

**§ aŭ pere de poŝt-mandato U (el ĉiu poŝtoficejo); tiukaze vi bezonos ankaŭ la „nomon de la konto“: Esperantská spoločnosť '95, Rovníková 6, 82102 BRATISLAVA).**

***Pagante bv. indiki vian naskiĝdaton (aŭ alian taŭgan (elpensitan) identigan numeron) kiel Variablan Simbolon, kaj ĉiukaze bv. nepre sendi al mi <martin.minich@fphil.uniba.sk> sciigon pri la pago, por ke ni povu ĝin ĝuste identigi.***

**La ekzamenoj okazos en jenaj tagoj: *antaŭtesto:* dimanĉe 2004.08.15, tempo 17.00-18.00; *skriba parto:* lunde 2004.08.16, tempo 09.00-12.00; *parola parto:* vendrede 2004.08.20, tempo 15.00-18.00. Loko: BRATISLAVA-Ružinov, plej verŝajne en la *Bazlernejo kaj gimnazio de Sankta Vincento de Paul*, Bachova strato (kiel trovi la lokon, ktp. - pri ĉi-specaj demandoj bv. turni sin al mi: <martin.minich@ fphil.uniba.sk>.**

**Ek al ekzameno!**

**Marteno MINICH**

## Sinprezentado

Ja, kiu mi estas? Ion bonan diri
entute ne indas.
Tro multe da bono - kiel oni diras -
malutili povas.
Tiu-ĉi danĝero ja min ne koncernas.
Okulojn ne kredu: mia vido
trompas!
Nur vizia ombro, nur tia mi estas.
Aĉa maljunulo, grumblanta, sin
montras,
ŝtuparon ne grimpas, rapide
laciĝas.
Baldaŭ mi foriros, la cerbo sekiĝas.
Vidante spegulon, mi min
abomenas.
Mia vizaĝ' aĉa, figuro malbela.
Mi ne kreskis alta. Mono neabunda.
Mia pens' malpinta, ne tre
parolema.
Alparoli iun - ege malkuraĝa.
Tiel mi aspektas.
Ami tian ulon, ĉu iu kapablas?
Kaj tamen... kaj tamen,
Amon mi avidas...
Amu min... ĝis kiam
ankoraŭ mi vivas...

### Du aforismoj de J. Morrison

Vana estas mia volo
Kaŝi min en malproksimo
Antaŭ rememoro.
Kien iras, kien venas
Ĉiam kaj vi kun mi estas
Profund' en la koro.

Estas tio ĉarma - mi fariĝis aĝa!
Ja, pli ol kiam-ajn, mi fariĝis saĝa!
La amo blindigas, tion mi rekonas.
Sed la am-sopiron tio ne
koncernas.

### Bedaŭrinda homo

Bedaŭrinda homo, por kies feliĉo
la MONO sufiĉas!
La vera riĉeco
ne en la bankkonto,
en la kor' sin kaŝas.

### Parafrazo al Bedaŭrinda homo

„Bedaŭrinda homo, por kies feliĉo
sufiĉas nur mono!"
Patetikaj vortoj! Ĉu ne, kamaradoj?
Modesta mi restu: milionoj estu
en mia bankkonto
kaj vi, geamikoj, kolegoj, gefratoj
ege min bedaŭru...!

### La libro de sorto

La libro de Sorto predestinacias,
kiu homo kiom da feliĉ' ricevas.
Jen ies riĉeco eble troabundas,
samtempe la Bono, simile la Amo,
absolute mankas...

### Aleksandro Petöfi: Ho junaĝo...

Ho junaĝo, vi kirlovento,
kiu per bela florkrono
nian frunton pridekoras,
post momento ĝin forŝiras
kaj forflugas ege haste...
Ni nur staras, gap-rigardas
kaj demandas triste:
Ĉu vi estis ĉe ni fakte?
Tion kredi eĉ ne eblas...

### Miaj profesioj

Instruisto – dekomence.
Kemiisto – senintence.
Fotografo – lastatempe.
Pensiulo – ho, ridinde!
In-amanto ĝenerale,
sed de unu – speciale!
(Teorie – bedaŭrinde!)

### Viv-principo

Pri belaj rememoroj gaj-miene ĝoji,
Kaj nur nevidate, tut-sekrete plori...
La mondo kruela kiam larmojn
vidas
Ne emas kompati. Prefere priridas.

## Aforismoj pri amo

§ Ne pekas tiu, kiu pekas pro amo.
§ Ĉio havas komencon, kaj finon. Nur la amo estas eterna.
§ La amo por virino signifas la tutan vivon. Por viro ĝi estas nur epizodo.
§ La amo estas kiel la fazoj de Luno: aŭ kreskas, aŭ malkreskas.
§ La vera amo estas io simila, kiel la spirito. Ĉiu parolas pri ĝi, sed ĉu iu iam jam vidis ĝin?
§ La tuta scienco estas ombro. Eterna lumo estas la amo.
§ Preferinde estas esti malgaja kun amo, ol esti gaja sen ĝi.
§ Kun amo la tempo malkreskas. Kun tempo malkreskas la amo.
§ Kelkfoje ni estas en nia amo pli feliĉaj kiam ni estas trompataj, ol kiam ni ekkonas la tutan veron.
§ El ĉiuj ŝarĝoj la plej peza estas tiu persono, kiun ni ĉesis ami.
§ Ekde tiu momento, kiam li amas, nek la plej saĝa viro estas kapabla vidi la objekton tian, kia ĝi reale estas.
§ Dek kisoj estas pli facile forgeseblaj, ol unu.
§ Du amleteroj estas skribataj plej malfacile: la unua kaj la lasta.
§ Amu virinon tiel, kiel se vi malamus ŝin kaj tiel ŝin malamu, kiel se vi amus ŝin. (SOFOKLES)

## *Preĝo*

*Tiun-ĉi slovaklingvan preĝon mi ricevis de virino, kiu estas al mia koro ege proksima, kiu en antaŭnelonge forpasinta jaro estis por mi fonto de feliĉo kaj ĝojo, sed ankaŭ de ega malgajo kaj malespero. Ĉiam, kiam mi legas ĝin, el miaj okuloj fluas larmoj pro bedaŭro kaj honto, ke mi lasis min tiome fali en malkredon, dubemon kaj malesperon, kiuj min turmentis en lastaj monatoj. Mi jam ekkomprenis, ke pli ol ion atendi, estas inde doni.*

Ho Dio, faru el mi ilon de Via Volo. Tien, kie estas ofendemo, donu, ke mi alportu senkulpigon. Tien, kie estas malakordo, donu, ke mi alportu unuecon. Tien, kie estas malespero, permesu al mi alporti esperon. Tien, kie regas dubemo, permesu al mi alporti kredon. Tien, kie regas malgajo, permesu al mi alporti gajon. Por tiu, kiu estas en mallumo, permesu al mi fariĝi lumo. Helpu min, Sinjoro, ne por ke mi estu ĝojigata, sed por ke mi ĝojigu. Ne por ke mi estu komprenata, sed por ke mi komprenu. Ne por ke mi estu amata, sed por ke mi estu amanta, ĉar donante ni akceptadas, senkulpigante ni estas senkulpigataj kaj mortante ni naskiĝos al eterna vivo kaj tiam okazos miraklo, unu miraklo sekvos post la alia kaj la mirakloj ne havos finon.

Helpu min, Sinjoro, fariĝi ilo de Via Volo. Amen.



## *Salutoj por tuta tago*

***Matena deziro***

Bonan kaj bonbonan
matenon, antenon, mantenon,
mantremon, mamtenon,
matenmanĝon, matentrinkon,
matenkison, tutantagan
ho, feliĉon, ne-forgeson bon-
amikon!

***Matena saluto***

Feliĉan kaj bonan, agrablan kaj
karan tagon bondezire:
vivu senkonscie.
Lasu ĉion pezan promeson intiman,
vivu ĉiutage prefere senkore.

***Taga saluto***

Bonan tagon, belan agon,
bonfareman, viglan aĝon.
Bonhumoron por animo,
bonan sanon por la korpo.
Kontentecon por la domo,
ĉarman amon por feliĉo!

***Bon-nokta saluto***

Siajn radiojn la Suno
retiradas por mallumo.
Forgesita estas tago,
atendas nin jam la nokto.
La lito jam preparita,
ruĝa nokt-ĉemiz' vestita.
Bela virin' (mia amo)
atendas, ke venu dormo.
Se mi povus sorĉi tion,
ŝtelus min en vian sonĝon.
Silent-paŝe mi alvenus,
belan nokton ni pasigus
ĉirkaŭbrake ambaŭflanke...
Bonan nokton! Dormu dolĉe!

***Matena saluto al diskrete kaj senespere amata virino***

Bonajn: matenon, amanton,
amatan dolĉ-teon, mantenon,
mankison, mamtenan kareson,
varmegan kiseton, orelan suĉeton,
porĉiam – senĉesan – senfinan,
tre-koran rilaton!
Mi kore kaj cetere-anatomie salutas
kaj „ĉe-teras“ vin – bondezire.

***Naskiĝtaga bondeziro al diskrete amata virino:***

Via glaso pleniĝu per bona vin'! Por via feliĉo mi deziras simple – min...

## *Malapero de vivsignoj*

Miaj Teleskopaj Antenoj, direktitaj en la kosman spacon MIMEM, ekkaptis vivsignalojn. La signaloj estis alvenantaj el la spaco ĉirkaŭ la stelo AMOMIO, kie post nelonga tempo estis malkovrita nova, ĝis nun nekonata planedo MIO. Tiu planedo, orbitanta ĉirkaŭ AMOMIO en distanco de unu jaro, ĝis nun regule elsendadis signalojn, kiuj atestadis pri ekzisto de inteligenta formo de vivo, eĉ se iome primitiva.

La nombro de aliaj planedoj, kiuj orbitas ĉirkaŭ AMOMIO, ne estas konata, sed pri ilia ekzisto atestas la regulaj ŝanĝoj en intenseco de la radiado de tiu malproksima stelo.

Laŭ signaloj, kiuj estis kaptitaj, la vivo sur planedo MIO malrapide, iom post iom malestiĝas. Ĉar la distanco al planedsistemo de AMOMIO estas proksimume unu lumjaro, estas tre verŝajne, ke nun, kiam ni ekkaptis la lastajn signalojn, la vivo sur planedo MIO jam estas malestiĝinta.

Kial? La MIMEMaj scienculoj ne kuraĝas respondi al tiu kuraĝa demando.

### *

Du statoj, kiujn kaŝi neniu
kapablas:
la Malriĉeco kaj la Amo estas.
Neniu fieras pri sia mizero.
Ŝate fanfaronas ja pri kor-afero...

### Mikroversaĵo

Kio estas Amo, jam forpasinta?
Por iu io neagrabla, eĉ neokazinta.
Por iu ponto inter feliĉo estinta
Kaj espero estanta, ĝismorte
restanta.

### „Vi estas aero“

En simpla, ĉiutaga parolmaniero, se iu diras: „Vi estas aero“, tio signifas: „Vi por mi ne ekzistas, vi signifas nenion.“
Se la samajn vortojn diras poeto, tiam la signifo estas tute alia: „Mi ne povas vivi sen vi, per ĉiu enspiro mi ensuĉas vin kaj en mia interno vi ŝanĝiĝas je varmo kaj feliĉo. Vi estas mia vivdona elemento! Mi amas vin, ho, mia aero...“

### Virina feliĉo

Por la virina feliĉo ne sufiĉas havi amantan kaj amatan viron. Por ŝia plenvalora feliĉo devas ekzisti ankoraŭ unu viro, kiu pro ŝia feliĉo estas malfeliĉa.
Kiam la Sorto – la granda reĝisoro de la homa vivo – disdonadis la rolojn, mi ricevis la rolon de tiu dua viro...

### Anonimaĵo

Eĉ se nur malrekte vin alparolante
mi salutas vin,
tamen tut-certe - ĉu tage, ĉu nokte -
vi tre bone scias, pri kiu ja temas.
Kiu ... vin.

### Miaj deziroj

Mi dezirus, ke mi blinda estu,
vian belan vidon por ke mi ne vidu.
Mi dezirus: iu farigu min surda,
por ke mi ne aŭdu vian voĉon
ĉarman.
Koron ne plu havi, jen plua deziro,
Por ke ne plu estu en mia interno
varmaj sentoj: amo kaj arda sufero.

### Pensoj super mondkarto

Kiam mi posedis vian ĉarman
amon,
Ĝi por mi plenigis tute-tutan
mondon.
Nun, kiam forestas via bela amo,
Denove malplenas tuta-vasta
mondo.

### Kion mi vidas (amkonfeso aŭ kio)

Mi rigardas la Valon kaj vidas vin.
Mi rigardas la Monton kaj vidas vin.
Mi rigardas la Sunon kaj vidas vian
vizaĝon.
Mi rigardas la ĉielon kaj vidas vian
vizaĝon.
Mi rigardas la stelojn kaj vidas vin
ĉie.
Mi rigardas la Lunon kaj vidas vin
tie.
Retiriĝu fine flanken! Iru en diablon!
Nenion mi vidas, nur vian VIZ-
AĈON...!

### Malproksimo vana

Kie mi fuĝu for?
Ne helpas malproksim'...
Ardas la rememor'
Ĉie mi vidas Vin.

Kiel mi savu min
Antaŭ ĉi-rememor'?
Ĉien mi portas Vin
Profunde en la kor'...

Kial mi fuĝu for?
Ne helpas malproksim'!
En mia povra kor'
Mi ĉiam portos Vin.

### Loko por forĵetitaĵoj

Angulo malluma en ies konscio.
Ege taŭga loko por ne-plu-valoro:
Senbezonaj vortoj amon
promesintaj,
karaj rememoroj jam ĉifoniĝintaj...

### La bruego de silento

Per silento eblas diri
ege-ege multe...
Via silent' en oreloj bruas Niagare!
Mi jam finis paroladon, mi restas
silenta.
Humiliĝe, merĝigite en nigra sonĝ'
eterna.
(ĉu vi aŭdas, kia estas la Silent'
Bruega?)

### Morala instruo

Post longa penado ekestis
konstruo:
ĉe la bord' elkreskis belega kastelo.
Domaĝe, ne estis longa ĝia daŭro;
forlavis ĝin jen la unua ond-rulo.
Kia estas do la morala instruo?
Por kastel' el sablo, kiel ĝusta loko
ne taŭgas marbordo...

### Rememoro al la dektria de junio

Vendredo dektria. Tute simpla tago.
Okazis nenio malbona sur Tero.
Ne eksplodis bomboj, ne bruliĝis
domo.
Volkano silentis, ne estis tertremo.
Nur grize-paliĝis verda stel'
d'Espero,
malaperis tute la iama brilo.
Vaporiĝis mia rozkolora sonĝo,
disŝutita iĝis elsabla kastelo...

### Vana fuĝo

Kien mi fuĝu for?
Ne helpas malproksim'...
Profund' en mia kor'
ĉien mi portas vin.

Kial mi fuĝu for?
Ne eblas forgesi...
Ardas la rememor',
igas min suferi.

Kiel mi savu min
antaŭ la rememor'?
Ĉie mi vidas vin,
restas la kordolor'...

### La lasta rozo (laŭ irlanda popolkanto)

Blua rozo, bela floro,
ĉarma bonodor'.
Mi ĝin nomas nostalgie:
FORGESIGA FLOR'.
Flaru tion rozon, sentu la odoron.
Resanigas korpon,
karesas animon.
Malpezigas koron,
forviŝas memoron...
Blua Rozo de Forgeso,
Tag' de Valentin'...
Forgesu min, MIA AMO,
jes, MI PETAS VIN...

***Kio estas Belo***

Kio estas Belo? Kiel ĝi aspektas?
Io en okuloj, kiam mi rigardas.
Ega diverseco de surtera lando,
pasinto kaj nuno de la Patrolando.
Montoj, kampoj, multaj bonodoraj floroj,
rapidaj torentoj kaj trankvilaj lagoj.
Kapreol' timema, leporet' saltema,
katino, hundido, birdeto kantema.
Ŝvelmolanta korpo, loganta virino,
miraklo de Amo: novkreita vivo.
Vizaĝo vidata dumnokte en sonĝo
pri iu persono... kara rememoro.
Mi diru finfine: kio estas Belo?
Al kio direktas ŝatanta rigardo.

***Noto en memorlibro***

„Rememor' mi restos en via animo.
Obstaklo mi estos sur voj' de forgeso.
Lasu min, forĵetu, kiel vi deziras.
Restante rememor' mi mute toleras,
senvorte suferas..."

*****

„Kiu por belo kaj amo vivas,
poreterne juna restas. "
(SLÁDKOVIČ)

***Frumatena cerbumado***

Bonan matenon! Ĉu ankoraŭ nokton?
Mi karesus fajne vian nokt-tolaĵon.
Ja ne la ĉemizon celus mia ago:
mi interesiĝus pri ĝia enhavo...
Sed en mia lito mi estante sola,
permana „ŝmatrado" estas tute vana...

*Vortklarigo: Ne trovante adekvatan vorton en E-o mi uzis freŝe elpensitan neologismon: „Ŝmatri" = permane, blinde serĉi ion, plejparte en mallumo...*

*****

„Kiu por belo kaj amo vivas,
poreterne juna restas. "
(SLÁDKOVIČ)

***Mia nescienca fikcio***

Fermante okulojn, mi havas imagon:
mi lange karesas rozkoloran aĵon...
Ĉarmuletan pinton, maldekstran kaj dekstran,
per Dio kreitan veran verkon majstran...

***Dimanĉa saluto***

Ne havas sencon la Amon postkuri.
Ĉiam samtempe kaj same rapide
ĝi kuros antaŭ vi.
Neniam sin lasos por vi atingi.

Nek antaŭ ĝi kuri ja havas efikon:
ĝi kuros jen post vi, ne permesante
por vi liberiĝon.

Via Rememoro - estas mia ombro.
Neniam kaptebla, neniam havebla.
Neniam ebligas antaŭ vi forfuĝon...



La Amo demandas la Amikecon: kial vi estas ĉi-tie, kiam ĉi-tie estas mi?
La Amikeco respondas: Por ke mi prisorĉu rideton tie, kie vi postlasas larmojn.



## *Pensoj pri malico de l'sorto*

Neniam ĝoju anticipe!
Ĝoju ĉiam, ĉiam nur poste!
Laŭprincipe.
Neniam senkapiĝu pro ĝojo
pri ia feliĉa okazontaĵo.
Okazo ne okazos.
Feliĉon sekvos forvapor'
kaj vi restos sen kap',
sen ĝoj', kun kordolor'.
Vi nur gapos stulte,
mienos acide
sentante proprahaŭte
kiel la fia Sorto
primokas vin laŭte,
priridas malice...

## *Fino de Amo*

Ekde morgaŭ mi ne amos, mi ne vokos, ne plu skribos.
Hodiaŭ la lastan fojon vi eniros mian sonĝon.
Mia dezir' doloriga: estu tiu nokto lasta,
tiu nokto freneziga -
kaj eterna, kaj senfina...

## *Konsiloj de s-ro Papilius – por si mem*

Kial ami stulte?
Restu sur la tero!
Daŭra oscilado -
Senfina sufero:
NE VALORAS MULTE!

Do, ne amu daŭre!
Vidu vian aĝon,
Preferu la saĝon!
Azen-manieron
Sendu en la stalon!

## *Stranga afero*

Post longa tempo, pasigita en via oficejo, post multe da streĉiga laboro kun vizitantoj vi eksentas malsaton. Ĉar ĝuste alproksimiĝas la tagmezo, vi decidas, ke estas inde viziti la apudan manĝejon kaj reakiri la perditan energion per bona tagmanĝo.

Enirante la manĝejon - kiel kutime - vi traflugas per okuloj la ejon, por konstati, kie troviĝas libera kaj taŭga loko por tagmanĝi. Ĉe la eniro vi prenas la konsuman bileton de la kasistino kaj turnas vin al la eldonejo de manĝaĵoj. Kaj tiam - post nova trakuro de la ejo per okuloj - vi ekvidas min, sidantan ĉe la sama tablo, kie ni lastfoje sidis kune. Vi estas surprizita, eble eĉ embarasiĝinta pro mia neatendita ĉeesto, kiam vi ne scias, kie troviĝas via kapo pro multe da labortasko, pro ekstrema streĉiĝo en via klopodo bone prosperi en via laboro kaj ne perdi la kontentecon de la estraro!

Eble estas ankaŭ aliaj kialoj, pro kiuj vi en tiu momento ne sentas vin la plej feliĉe kaj mia ekapero ne estas dufoje bonvena.

Vi rigardas min, vidas mian vizaĝon kun nostalgia rigardo, vi rimarkas mian malkuraĝetan mansvingeton kaj post iom da hezito vi tamen decidas veni al mia tablo kaj ŝanĝi kun mi kelkajn ĝentilecajn frazojn pri la vetero, pri multe da labortasko, pri sanstatoj ĝenerale, ktp.

Vi turnas vin al la virino, kiu eldonadas la elektitajn maĝaĵojn, prenas la sup-pladon kun la supo kaj returnas vin al tiu loko, kie vi vidis min sidantan ĉe la tablo. La seĝo, sur kiu mi antaŭ momento sidis, estas ja malplena! Vi ĉirkaŭrigardas la ejon, sed nenie mi estas trovebla. Mi estas nenie, mi estas malaperinta!

Vi aliras al tiu tablo, kie ni antaŭ ia tempo lastfoje sidis kune, surmetas la supon kaj en tiu-ĉi momento - kiel fulmobato - eniras vin la konsciiĝo pri tio, ke mia bildo estis nur fikciaĵo, produkto de via trolaciĝinta cerbo, ke mi antaŭ momento ne estis reale tie! Vi preskaŭ falas sur seĝon kaj tiam - post la „videoimagoj" - sekvas alia nekomprenebla afero: vi eksentas fizikan kontakton kun mi, vi perceptas tuŝon de miaj manoj sur la viaj, vi eksentas varman tuŝon de miaj lipoj sur la viaj kaj samtempe sur ĉiuj lokoj, kiujn ili iam tuŝis. Via vizaĝo tute ruĝiĝas, via koro bategas pli kaj pli rapide, tuta via korpo eksentas tremadon, la gorĝo estas premata per plorĝema sufokiĝo... kaj tiam vi ekaŭdas mian flustre-karesan voĉon: „Ne timu min, Amomia, neniam en mia vivo mi volis ia-ajn maniere malutili al vi. Mi deziras nur adiaŭi vin dumvoje al alia Dimensio. Forlasante tiun suferigan mondon mi kunprenas, kiel lastan rememoron: vian amar-dolĉan, feliĉigan nomon..."

Tiam, kiam vi ekpensas, ke estas jam tro da sufokiga turmento por elteni vivanta, feliĉe post mallonga tempo vi vekiĝas en via lito. Tute ŝvitkovrita vi ellitiĝas kaj per ŝanceliĝantaj paŝoj eniras la banejon.

Estas mateno, aĉa vetero ekstere. Atendas vin plua laciga, streĉoplena labortago. Fi...!



## *Kiel blinda junulo savis mian vivon*

Atendante aŭtobuson de la urba trafiko mi rimarkis du virojn starantajn apude. Unu estis mezaĝa viro, ĉe li staris junulo, verŝajne lia filo. Kiel la unua eniris la alvenintan aŭtobuson la patro kaj lin sekvis la junulo, tenante sian patron per sia dekstra mano je lia ŝultro. En la aŭtobuso li eniris per malrapidaj, singardaj, sed certaj paŝoj. Tuj li trovis liberan lokon kaj eksidis, lia patro restis apude staranta. Simila estis la mov-maniero de la junulo eliranta el la aŭtobuso: unua iris la patro, sekvis lin la filo, tenante lian dekstran ŝultron per sia etendita brako. La junulo estis bele kreskinta, bonaspekta knabo. Li ne havis en la mano blankan bastonon, nur sur liaj okuloj estis nigraj okulvitroj.

La okazintaĵo ne meritus eksterordinaran rimarkon, se mi en tiu tempo ne estus ĵus komencinta mian veturon al la fina stacio de mia vivo. Post kiam mi perdis mian plej grandan amon, mi sentis mian vivon sensenca kaj superflua. Mi decidis veturi al tiu urbo, kie mi estis lastfoje ege feliĉa, kaj tie meti la punkton post mia vivo-vojo. En mia poŝo jam estis kaŝita skatoleto da dormigilo, kiu atendis, ke mi uzu ĝian enhavon la unuan kaj lastan fojon.

Kiam mi ekvidis tiun junulon kun certe pli tragika sorto, ol estis la mia, kiu prenis sian staton tute nature kaj trankvile, mi ekhontis kaj pripensis, ke mia persona emocia tragedio estas kompare kun lia sorto tute eta bagatelaĵo. Ke ĉiukaze valoras vivi. Tiam mi rezignis pri mia tragika intenco, dank' al nekonata, nevidanta junulo.

## *Mi estas dankema:*

- § al mia kunul(in)o, kiu ĉiunokte ĉifas la kovrilojn, ĉar li ne estas ekstere kun iu alia;
- § por impostoj, kiujn mi devas pagi, ĉar tio signifas, ke mi havas daŭran laboron;
- § por la malordo, kiun mi devas reordigi post la solenado familia, ĉar tio signifas, ke mi estas ĉirkaŭata per geamikoj;
- § por la vestaĵo, kiu estas por mi iome malvasta, ĉar tio signifas, ke mi havas sufiĉe da manĝaĵo;
- § por la herbejo, kiun necesas prifalĉi, por fenestroj, kiuj estas lavendaj, por pluvdefluiloj riparendaj, ĉar tio signifas, ke mi vivas en propra domo;
- § por libera parkejloko por mia aŭtomobilo, kvankam en malapuda fino de la parkejo, ĉar tio signifas, ke mi kapablas iradi kaj ke mi estas pridonacita per trafikilo;
- § por la alta fakturo kiun mi devas pagi post vespermanĝo en restoracio kun miaj proksimuloj, ĉar tio signifas, ke mi estas malavara;
- § por aro da gladenda tolaĵo, ĉar tio signifas, ke ni havas sufiĉe da subvestaĵo por porti;
- § por sento de laco kaj doloraj muskoloj je la tagfino, ĉar tio signifas, ke mi estas kapabla peze labori;
- § por tiu molestiga vekhorloĝo, kiun mi matene devas malŝalti, ĉar tio signifas, ke mi estas ankoraŭ vivanta;
- § kaj fine: por tiu aro da mejloj, ĉar tio signifas, ke mi havas aron da geamikoj, kiuj pensas al mi.

Ankoraŭ unu aldonita ideo: Onidire, ni bezonas nur unu minuton por konstati, ĉu iu plaĉas aŭ ne plaĉas al ni, unu horon por ĝuste pritaksi iun, unu tagon por ekŝati aŭ ekami iun, sed malsufiĉas la tuta vivo por denove iun forgesi...

### ***Bestaj amkonfesoj***

Mi ŝatas vin, homo,
diris la ĉevalo.
Kvankam vivas hunde,
mi amas vin multe,
mia kara mastro; tion diris hundo.
La kato ne kredis:
Ne parolu stulte!
Mi amas min! - diris.
Miaŭ! Sufiĉas tute.

### ***Hunda amo***

Hundon vi povas ege piedbati;
ĝi ploros, sed ne ĉesos vin
akompanadi.
Povas ĝin ekbati via dura mano,
tamen vin kun amo
lekos ĝia lango...

### ***Konfeso de kato***

Mi ne estas via kato,
sed vi estas mia homo,
kiu pri mi zorgas.
Vian zorgon, manĝon, trinkon,
varman hejmon, karesadon
mi afable akceptas,
kiam por mi taŭgas.
Mi ne estas kolombeto,
mi ja restas rabobesto,
tion ne forgesu!
Vian karan kanarion,
multvaloran or-fiŝeton,
absolute-tute ĉion,
ĉion mi forpredas. Do, bone atentu.
Eble vi min ŝatas,
mi ne tre komprenas,
nur akceptas vin.
Kion do mi amas?
Ho, mi amas min! Miaŭ!

### ***Amkonfeso de ĉevalo***

Ho, mia mastrino!
Mia larĝa dorso
estu ĝusta loko
por via mola sino!
Sursidu diskrure,
rajdu sur mi ĝue!
Mian varmon sentu
ĉiam pli profunde...
Ho, ege profunde...

## *Porvirina legaĵo* ***- La ĝusta dommastrino*** *(traduko el Rehotník)*

- § Por ke la terpomoj ne ĝermu, en la sakon aldonu unu aŭ du pomojn.
  NE. Ĝuste: aĉetu senŝeligitajn terpomojn aŭ prismetojn, enmetu en fridujon kaj eltenu tiel unu jaron.
- § Antaŭ ol vi enverŝos la paston en bakformon, priŝmiru ĝin per grasaĵo kaj priŝutu per faruno aŭ bulkeroj.
  NE. Ĝuste: En la vendejo ĉe apuda stratangulo estas aĉeteblaj bakaĵoj. Tute proksime, kaj sen laboro...
- § Ĉu restis hejme iom da vino? Frostigu ĝin en formo de kubetoj kaj vi povos per ĝi prigustigi viandon kaj saŭcojn.
  NE! Ĝuste: Kio??? Restinta vino? Nekonate!!!
- § Se vi ‚sukcesis' trosali la supon, ankoraŭ dum bolado enĵetu pecon da terpomo.
  NE. Ĝuste: Via familio estu feliĉa, ke vi almenaŭ ion kuiris kaj estas egale, ĉu tio estas manĝebla.
- § Ĉu vi suferas pro kapdoloro? Prenu citronon, distranĉu ĝin kaj ŝmiru per ĝi vian frunton. La doloro retiriĝos.
  NE. Ĝuste: Distranĉu citronon, duonon ĵetu en glason kun TEQUILA kaj eltrinku. La kapo ja plue doloros, sed vi estos tiome ebria, ke tio jam tute malgravos al vi.
- § Por ke la vinbotelo dum malfermado ne glitu, enpaku ĝin en viŝtukon.
  NE. Ĝuste: Survestu ian erotikan vestaĵon kaj frapetu la pordon ĉe la najbaro...

## *Aforismoj*

- § Se ia problemo havas solvon, ne havas sencon fari por si zorgojn. Ili neniel helpos.
- § Mia bondeziro: Mi deziras al vi ne nur Sanon, sed ĉefe Feliĉon. Ĉar la pasaĝeroj de la ŝipo TITANIC estis ankaŭ sanaj. Kaj mi deziras, ke via ŝipo AMO neniam frapiĝu kun glacimonto MONO.
- § Ne forgesu: kelkfoje la ne-plenumiĝo de via sopiro povas esti por vi la plej granda feliĉo. (Sed tion vi komprenos nur en estonto, retroaktive.)
- § Etaj detalaĵoj meritas pri tio, ke la vivo estas unika kaj grandioza. Ĉiumatene vekiĝi, ĝoji pri tio, ke vi spiras... Por kiom da homoj jam io ne-atingebla. (Pri tio atestas ĉiuj tombejoj.)
- § Ne malgaju pri tio, kion vi ne povas havi, sed ĝoju pri tio, kion vi havas! Certe iu alia havas eĉ malpli! (Sed ĉu tiaspeca ĝojo estas morala?)
- § El lerneja leciono: Mi emus morti trankvile en dormo, kiel mia onklo, kaj ne kiel tiuj histerie hurlantaj vojaĝantoj en aŭtobuso, kiun mia onklo ŝoforis.
- § Ekzistas milionoj da metodoj, kiamaniere prodigi la tagon, do kial ĝuste per laboro?
- § Plej bone ĉasas malsataj hundoj. Pli malsataj hundoj ĉasas ankoraŭ pli bone.
- § Ĉar la amplekso de la materio en la Kosmo estas finita, tiu, kiu estas ĉie, estas nenie.
- § Ĉiam pli bone estas reorganizi, ol esti reorganizita.
- § La estonto estas tiu tempo, en kiu ni intencas pasigi la reston de nia vivo.
- § Plej bonajn ideojn ni ekhavas kutime tiam, kiam ni estas jam unupiede en la lito.
- § Je la komenco estis nenio. Tiam Dio diris: „Estu lumo!“ Eĉ plue estis nenio, sed jam estis videbla.
- § Antaŭe, ol vi trovos belegan princon, vi devas kisi multajn ranojn.
- § Nenio estas pli interesa, ol viro kun estonto kaj virino kun pasinto.
- § Rabisto forprenas vian monon, urso vian vivon kaj la virino ambaŭ.
- § Nenia bona ago restos nepunita!
- § Post kiam vi ekkomprenis la principon de funkciado de Kosmo, daŭre restos por vi nekomprenebla la principo de virina logiko.
- § Politiko estas arto elvokadi problemojn, vidi ilin ĉie, malbone ilin taksi kaj por ilia forigo uzi la plej malbonajn solvojn.
- § Du plej varmegaj kandidatoj por enskribo en la libron de minacataj specoj estas: bonkora rabisto kaj honesta politikisto.
- § Por ke el la kosma polvo kreiĝu la Tero, la tuta Kosmo devis labori multajn jarmilojn. Por ke la Tero ŝanĝiĝu je kosma polvo, sufiĉas unu stulta politikisto kaj kelkaj sekundoj.
- § La plej signifa piedo de la tripieda tablo estas tiu, kiu mankas.
- § La saĝeco ne tre helpos vin, se vin forlasis la feliĉo.
- § Bona komenco kondukas al malbona fino. Malbona komenco eĉ ne havas finon...
- § Homoj kapablas ekkredi kion-ajn, kio estas dirata flustrante.
- § Estas pli bone esti vivanta ŝakalo, ol mortinta leono. Plej bone estas – esti vivanta leono.
- § Grave estas: morti juna en ju pli olda aĝo.
- § Se la homo estas majstra verko, pro Dio, kiel aspektas la misprodukto?



## *Bonvolaj frivolaĵoj*

- § Se vi ne zorgas pri tio, kie vi troviĝas, vi neniam perdiĝos.
- § Nur la bona Dio scias, kien vin la Diablo portas momente...
- § Kiu estas kapabla veki dormantan homon, tiu estas kapabla fari kian-ajn alian fifaron!
- § La ĉarmon de IKEBANA povas la bovino prijuĝi nur el aspekto de gusto.
- § Kio estas blondulino en BMW? Superstandarda ekipaĵo.
- § La plej certa loko, kie vi trovos helpantan manon, estas je la fino de via brako.
- § Drinkemulo estas homo, kiu kapablas sen problemoj reteni sin de la abstinenco.
- § La drinkejo estas popola universitato por malriĉuloj.
- § Difino de viro: vibradilo, ekipita kun monujo.
- § La sperto alvenas en tempo, kiam jam estas malfrue utiligi ĝin.
- § Alvenis la Amo - la Prudento ferias...
- § Se vi volas, sed ne povas, do vi ne volas sufiĉe multe.

## *Bestaj aferoj*

§ Kiom da elefantoj povas eniĝi en taksio? Kvar. Unu sidos apud la ŝoforo kaj tri sur malantaŭaj seĝoj. Kiom da ĝirafoj povas eniĝi en taksio? Nek unu, ĉar tie jam sidas amaso da elefantoj!

§ u vi scias, kia estas la diferenco inter piedoj de pasero? Nenia. Ambaŭ piedoj estas tute egalaj, precipe tiu maldekstra.

§ Kiel ni ekscias, kie estas la kapo de lumbriko? Ni tiklos ĝian ventron kaj kie ĝi ekridos, tie troviĝas la kapo.

§ Ĝi estas flavkolora kaj kiam ĝi falas malsupren, ekaŭdiĝas: „Miaŭ!“ Kio ĝi estas? Kio ajn, sed ĝi devas fali sur katinon.

§ Surstrate kuŝas longa fertubo. Unu kato enrigardas en ĝian komencon, la dua rigardas en ĝian finon. Kial tiuj du katoj ne vidas unu la alian? Ĉar la unua kato enrigardas lunde, la dua marde!

§ Kia estas la diferenco inter krokodilo kaj nazmuko? La krokodilo estas pli longa kaj pli verda...

§ Ĉu vi scias, kial havas la elefantoj tiajn grandajn orelojn? Por ke ili povu pli gracioze saltadi el unu floreto al alia.

§ Kiel vi distingas ursojn brunan, grizzly kaj polusan? 1. Se vin pelas urso, vi kuras, kuras, suprengrimpas arbon kaj se la urso restas sub ĝi, do ĝi estas urso bruna. 2. Se vin pelas urso, vi kuras, kuras, suprengrimpas arbon kaj se la urso suprengrimpas post vi, do temas pri grizzly. 3. Se vin pelas urso, vi kuras, kuras, nenie estas ia arbo, do temas pri urso polusa.

§ Ĝi havas ok piedojn, grimpas surmure kaj en la murangulo teksas araneaĵojn. Kio ĝi estas? Respondo1: Araneo. Respondo2: Ne. Ĝia frato Emilio.

*

Interparolas du bovinpaŝtistoj Georgo kaj Bill. Georgo demandas: „Bill, kio estas ‘cirkulado de materio en la naturo’?“
Do, mi klarigos tion al vi per ekzemplo. Morgaŭ, kiel kutime, vi ebriiĝos denove kiel porko. Poste vi enmiksiĝos en batalon kontraŭ Indianoj. Ili vin mortpafas, senskalpigas kaj ĵetas ien en la prerio. Alvenas malsata hieno kaj formanĝas vian mortan korpon. Poste vin transformos je granda amaso de fekaĵoj. Poste mi ĉirkaŭiras tiun fekaĵ-amason, demetas ĉapelon kun pieto kaj diras: „Saluton Georgo! Vi absolute ne ŝanĝiĝis!“

*

Venas en la cirkon sinjoro Kuniklo kun sia edzino, sinjorino Kuniklino. Kun granda intereso ili rigardas, kiam la magiisto eltiradas el ĉapelo unu kuniklon post alia, eltirante ilin je oreloj.
Post la prezentado diras flustre sinjorino Kuniklino al sia edzo: „Karuljo, sed nia metodo certe estas pli agrabla...“

*

Lastfoje, kiam mi vidis tian figuron, kia estas la via, mi ĵus melkis...

*

Viro en drinkejo laŭtvoĉe cerbumas: „Interese! Kiam mi venos hejmen, mi nur spiros al hundo, ĝi enrampos en sian budon kaj ĝismatene restos silenta. Mi spiros al edzino kaj ŝi ĝismatene bojos...“

*

Sidas sub arbo Leporo kaj fumas. Preteriras bovino, ekstaras, kaj notas: „Tia malgranda, kaj fumas!“ La leporo respondas trankvile: „Tia granda kaj sen mamteniloj!“

*

Renkontiĝas du vir-ranoj. „Kial vi estas hodiaŭ tiome malgaja?“
Tiu dua respondas triste: „Hieraŭ mian edzinon vizitis cikonio.“

*

Sur arbo sidas la Strigo, la Korvo kaj la Pigo. La Strigo diras: „Mi ricevis kiel donacon oran brakhorloĝon!“ La Korvo aldonas: „Mi ricevis donace bovinon!“ La Pigo nur silentas.
La sekvantan tagon ili denove sidas kune sur arbo. La Strigo diras: „Iu forŝtelis mian brakhorloĝon!“ La Korvo aldonas: „Mia bovino ankaŭ malaperis!“ Nun ekparolas la Pigo: „Ho, Dio mia, nur nun mi rimarkis, ke jam estas la sesa horo. Mi devas iri melki...“

*

- Ĉu vi povus diri, Moriĉjo, kiu estis Kolumbus?
- Kolumbus estis... li estis... birdo!
- Ne diru stultaĵon!
- Sed jes, dum la lasta leciono vi rakontis ion pri Ovo de Kolumbo...

*

- Hieraŭ mi kaptis en nia rivero Oran Fiŝeton!
- Kaj kian vian deziron ĝi plenumis?
- Nenian. Verŝajne ĝi estis surdmuta.

*

Saltetas leporo tra kampo kaj gaje krias: „Vivu la registaro!“
„Kial vi ĝojas?“ demandas alia leporo. „Ĉar oni plialtigis la prezon de plumbokugletoj!“

*

Venas viro en bestvendejon kaj volas aĉeti papagon. Estas tie tri belegaj pecoj. Unu kostas 1000, la dua 2000 kaj la tria 6000 kronojn. La viro monenton cerbumas rigardante la birdojn kaj demandas: „Kial estas la prezoj tiome diferencaj, tiuj birdoj aspektas tute samaj?“ La vendisto klarigas: „Tiu por 1000 Sk parolas hispane, tiu por 2000 Sk scipovas tion traduki slovaklingven.“ „Kaj tiu por 6000 kronoj?“ „Tiu ĝis nun diris nek unu vorton, sed tiuj du alparolas ĝin ‘estro’“ - respondis la vendisto.

## Porkaj aferoj



En ia komerca prospekto mi legas anoncon pri la plej moderna buĉ-metodo de porkoj. Anstataŭ la klasika buĉado, kiu ege timigas kaj streĉigas la porkojn - kaj tio onidire tre malfavore influas la kvaliton de la viando - nun ekzistas ie en Slovakio ununura buĉejo, kiu praktikas sendoloran mortigadon de porkoj per „paradiza gaso". La bestoj simple estas dormigitaj per tiu gaso kaj nur poste estas tra-tranĉitaj iliaj gorĝoj...
Grandioza novaĵo! Ili do mortas - ni povus diri - preskaŭ en stato kaj kun sento de feliĉo! Mi proponas ĉi-tie pluan evoluigon de la metodo.
1. Antaŭ la endormigo venas en la porkobredejon zooteknikistoj kaj rakontas al porkoj belajn fabelojn pri porkoj kaj lupoj kaj en tiuj fabeloj ĉiam la lupoj tiras la malpli longan finon, la porkoj ilin ĉiam priruzas. La sento de feliĉo ĉe la aŭskultantaj porkoj komencas gradiĝi.
2. La porkobredistoj rakontas - flustrante en porkajn orelojn - porkajn anekdotojn, kiel enkondukon al la sekvontaj porkaj orgioj. La porkaro, organizita po geaj paroj, komencas geiĝi sub atentema rigardo de buĉistoj. Kiam ili ekkonstatas, ke la porkaro ĵus atingis la plej altan gradon de ĝuo, iliaj manoj malfermas la kranojn de paradiza gaso... La sento de plej altgrada kontenteco kaj ĝuo restas en tiu momento konservita en la porka viando.
Post prilaboro de la porka viando en viand-industrio, post ĝia forvendo en vendejoj, post finpreparado de manĝaĵoj en kuirejo, post ekgustumo de la fritita porkviando la konsumanto eksentas la saman feliĉon, kiun travivis la porko en lastaj momentoj de ĝia vivo, homoj manĝantaj tiun manĝaĵon travivas preskaŭ la saman porkan orgasmon...

## Murphysmoj

- § Ju malpli longe vi estos vivanta, des pli longe vi estos mortinta.
- § La rapideco de vento estas des pli granda, ju pli multekosta estis la frizaĵo.
- § Ĉiu burokratisma sistemo similas al fekaĵkavo: elmergiĝas ĉiam la plej granda porkaĵo.
- § Nova poŝtelefono kaj ŝtelisto reciproke altiriĝas per forto, kies grandeco estas rekte proporcia al la prezo de la telefono.
- § Leĝo biciklisma: Kion ajn vi faras, via vojo ĉiam ascendas kaj direktas kontraŭ vento.
- § Kial fari en la vivo dufoje la saman eraron? Granda elekto da eraroj estas je nia dispono...

## Leĝoj de Murphy

- § Troigo ĉiam malutilas. Precipe, se pri laboro temas.
- § Dura laboro profitdonos en estonto. La maldiligenteco nun.
- § Pli bone estas malsatmorti sen laboro, ol morti pro malsato dum laboro.
- § La mondo estas justeca. La leĝo en sia majesteco egale malpermesas kaj al riĉuloj, kaj al senhejmuloj: dormi sub ponto, almozpeti surstrate kaj ŝteli panon.
- § La kvanto de inteligenteco sur la Tero estas konstanta. Nur la homaro ĉiam plinombriĝas.
- § La logiko estas ilo, kiu helpas al ni atingi malbonan konsekvencon per bonaj paŝoj.








- Kio faras el ĉiuj viroj belulojn? La mallumo.
- Kial la vira inteligenteco ne estas pagebla per mono? Ĉar tia malgranda monero ne ekzistas.
- Kial la konscienco de viroj estas ĉiam pura? Ĉar ili neniam uzas ĝin.
- Kio estas komuna inter viroj kaj hundoj? Kiam ili rigardas vin, ili aspektas, kvazaŭ se ili vin komprenus.
- Pri kio interparolas du viroj? Pri nenio. Bestoj ne kapablas paroli.
- Kiel vi povas furiozigi viron? Se vi kaŝos la teledirektilon de televidilo.
- Kio estas: multe da ligno kaj malmulte da karno? Sciuro sur arbo.
- Kio estas: malmulte da ligno kaj multe da karno? Lignero en via postaĵo.
- Kio estas mineralo? Tio estas estinta generalo, kiu piede surtretis minon.

## *Anekdotoj*

*

Post peza nokto, pasigita per drinkado, vekiĝas viro frumatene kaj per duonfermitaj, kungluiĝintaj okuloj ĉirkaŭrigardas. Apud li en la lito kuŝas ia nuda virino. Atenteme li ŝin priesploras, sed nek por la tuta mondo li estas kapabla ekmemori, kiu ŝi povas esti, kio okazis la pasintan vesperon. Finfine li perfingre frapetas ŝin je ŝultro kaj timeme demandas: - Fraŭlino, ĉu ni nin konas?
- Ja eĉ tre bone, vi porkaĉo ebriega! Ni estas geedzoj jam 15 jarojn!

*

Viro hejmenvenas vespere malgajhumora. Li ĵetas sian mantelon en angulon, seninterese lantas en la vespermanĝo, senvorte manĝetas iom, sen ia-ajn apetito. Tiam lia edzino, provante plibonigi lian humoron, alparolas lin: - Karuljo, mi estas graveda!
La viro ekĝemas: - Mia Dio! Ĉu vi ankaŭ?

*

Ĉe la konfeso: „Anima paĉjo, mi konfesas, ke mi forŝtelis de mia najbaro 20 kokinojn. Antaŭhieraŭ kvin kaj hieraŭ kvin.“
„Sed tio estas nur dek!“
„Hodiaŭ mi volas preni pli grandan sakon.“

*

Unu viro ŝokige ebriiĝis kaj dumvoje hejmen cerbumadis, kion li diros al sia severa edzino. ‘Mi diros: ĉu vi vidas karulinjo, mi ebriiĝis kiel porko...’ Tion li kelkfoje ripetadis, ĝis kiam li alvenis hejmen. Li sonoris, kaj kiam lia terure mienanta edzino malfermis la pordon, li elŝutis el si: „Ĉu vi vidas, vi porko, kiel vi ebriiĝis, karulinjo...“

### *Aŭtoriparejo*

„Mi frapegis per mia aŭtomobilo en arbon“ - konfesas la ŝoforo. La aŭtoriparisto ĉirkaŭiras la veturilon, kaj demandas: „Kiomfoje?“

### *Tri etapoj de sklerozo*

1. Vi forgesas aferojn. 2. Vi forgesas konekti la zipon sur via pantalono. 3. Vi forgesas malkonekti la zipon...

**???**

Kio estas por viro ‘erotika antaŭludo?’ Duonhoro da petegado.

Kio estas skolto? Infano vestita kiel kreteno, kiun gvidas kreteno, vestita kiel infano...

### *Anekdotoj pri la konscienco*

§ Sana konscienco estas tio, kio doloras,
Eĉ se la ceteraj partoj bonfartas.

§ Pura kaj forta konscienco estas ofte
Nur produkto de malforta memoro.

*

Diras unu blondulino al alia: - Mi lernas Esperanton.
- Kaj pro kio?
- Somere mi veturos tien libertempi.

*

Rabisto eniras en bankon kaj ekkrias: - Manojn supren! Ĉiuj!
Post momento li aldonas: - Ĉu estas ĉiuj manoj supre? Mi ne vidas bone sen okulvitroj...

### *Kia estas la diferenco inter diplomato kaj damo*

Kiam diplomato diras jes, tio signifas eble; se li diras eble, tio signifas ne. Kaj se li diras ne, do li ne estas diplomato.
Se virino diras ne, tio signifas eble; se ŝi diras eble, tio signifas jes. Kaj se ŝi diras jes, do ŝi ne estas damo.

### *Konfeso de pekulo*

- Mi konfesas, anima patro: edzinon de mia proksimulo mi tre-peke amis...
- Do, pekanta filo, ĉu vi tiun agon jam almenaŭ pribedaŭris?
- Mi konfesas, anima paĉjo, kial mi mensogus? La saman pekon – ho, kiel volonte – mi centfoje farus!

*

Moderna fabelo: Naninjo kaj Sep Neĝuloj...

*

Filo demandas sian patron: - Paĉjo, kio estas socialismo?
La patro klarigas: - Sciu, estis foje unu granda viro, aŭ fakte li estis malgranda... lia nomo estis Lenin. Sed fakte lia nomo ne estis Lenin, sed Uljanov. Do tiu havis amikon, aŭ fakte tiu ne estis amiko, sed fia hundo, kaj lia nomo estis Stalin... do fakte lia nomo estis Dĵugaŝvili. Do tiuj du kune aranĝis Grandan Oktobran Socialisman Revolucion, sed fakte tio ne estis revolucio, nur puĉo, kaj ne okazis en oktobro, sed en novembro...
Interrompas lin la filo: - Do tio estis grandega bordelo!
La patro: - Vidu, vi ekkomprenis tre bone!

*

Surskribo en vira necesejo: „Ne ĵetu cigaredstumpetojn en pisejon, ni ankaŭ ne urinas en vian cindrujon!“

*

Kian problemon havas plej ofte slovako en fremda urbo?
Li eliras el la stacidomo kaj ne povas trovi drinkejon. Li eliras el la drinkejo kaj ne povas trovi la stacidomon...

*

Ĉu vi volas aŭdi sinceran opinion pri via persono kaj samtempe la precizan tempon?
Telefonu al kia-ajn numero ĉirkaŭ la tria matene...

### *Edziĝfesta ŝerca telegramo al novedzino*

Ni travivis kune tian pompan nokton, ke mi ĝis nun ne reakiris ekvilibron pro ĝuego. Vi estis mirinde-fantazia, ĝis nun mi ne havis tian bonegan amatinon! Tute klare, vi estas la unua en la listo de miaj amatinoj! Tion ni devas ripeti! Ĉu morgaŭ?

***La bela poŝtistino (logopeda ekzerco)***

Ŝia sak' ŝajnigas
kvanton da poŝtaĵo.
(Okulojn mi paŝtas
sur ŝia postaĵo...)

***Maldeca propono***

Kara amikino, se via kara sino iam rilatis kun la mia kun amo - ĉu ne estus por vi taŭga alparolo: 'Kara amiksino'?

***Preĝo de oferema edzo***

Sinjoro Dio, ne donu, ke mia edzino estu malfeliĉa, prefere mi. Ne donu, ke ŝi malsaniĝu, prefere mi. Donu Sinjoro, ke ŝi ne vidviniĝu, prefere mi...

## *El juĝeja ĉambrego*

Tago de via naskiĝo? La 15a de majo. Kiujare? Ĉiujare.

Kia estas la aĝo de via filo, kiu vivas kun vi? 38 aŭ 35, mi ne memoras precize. Kaj kiel longe li vivas kun vi? 45 jarojn.

Kiaj estis la unuaj vortoj de via edzo, kiam li tiumatene vekiĝis? Li diris: „Kie mi estas, Katarinjo?“ Kaj kial vin tio tiome ekscitiĝis? Mia nomo estas Zuzana.

Kie okazis la akcidento? Proksimume ĉe la mejloŝtono 499. Kaj kie troviĝas tiu mejloŝtono 499? Verŝajne inter mejloŝtonoj 498 kaj 500.

Kia estas via IKVO, sinjoro? Mi pensas, ke mi vidas bone.

Sinjoro gardmajstro, kiam vi haltigis la akuziton, ĉu viaj bluaj kaj ruĝaj lumvibriloj sur veturilo funkciis? Jes, sinjoro. Ĉu la akuzito ion diris, kiam li eliris el sia aŭtomobilo? Jes, sinjoro. Kion li diris? Li balbutis: „Kia diskoteko estas ĉi-tie surstrate?“



Sinjoro doktoro, ĉu estas vero, ke se iu mortas dum dormo, tiu pri sia morto ekscias nur la venontan matenon?

Tiu pli juna filo, kiu havas 21, kiomjara li estas?

Ĉu vi ĉeestis, kiam ili fotografis vin?

Ĉu tio estis vi, aŭ via pli aĝa frato, kiu pereis dum la milito?

Ĉu li mortigis vin?

Kia estis la distanco inter tiuj veturiloj en momento de kunfrapiĝo?

Kaj vi tie ĉeestis, ĝis kiam vi ne foriris, ĉu?

Kiomfoje vi jam faris memmortigon?

Do, la dato de koncipo de via infano estis la 8a de septembro, ĉu? Jes. Kaj kion vi faris tiutempe?

Ŝi havis tri infanojn, ĉu? Jes. Kiom da knaboj? Nek unu. Do, kiom da knabinoj?

Vi diras, ke tiu ŝtuparo direktis malsupren, en la kelon. Jes. Kaj ĉu la sama ŝtuparo direktis ankaŭ supren, el la kelo?

S-ro Novák, vi forveturis al relative komplikaj mielsemajnoj. Ni veturis en Eŭropon, sinjoro. Kaj ĉu vi kunprenis ankaŭ vian edzinon?

Kiel finiĝis via unua geedziĝo? Per morto. Kaj kiu mortis?

Sinjoro doktoro, kiom da sekcoj vi faris sur kadavroj? Ĉiujn sekcojn mi faras sur kadavroj.

Ĉu vi memoras, kioma horo estis, kiam vi priesploris la korpon? La sekco komenciĝis ĉirkaŭ la oka vespere.

Ĉu s-ro Novák estis tiutempe jam mortinta? Ne. Li sidis sur la tablo kaj ege miris, kial mi volas lin sekci.

S-ro doktoro, antaŭ ol vi komencis la sekcon, ĉu vi konvinkiĝis pri neekzisto de pulso? Ne. Ĉu vi mezuris la sangopremon? Ne. Ĉu vi konvinkiĝis pri haltiĝo de spirado? Ne. Ĉu estas do ebla, ke la paciento estis ankoraŭ vivanta, kiam vi komencis sekci? Ne. Kiel vi povas esti tia certa, s-ro doktoro? Ĉar lia cerbo kuŝis en pladeto sur mia tablo. Sed ĉu ne povis tiu homo tamen esti vivanta? Estas ebla, ke li estis vivanta kaj laboris ie kiel policisto...

## *Policistaj aferoj*



*

Policisto aĉetas novan aŭtomobilon kaj demandas: „Ĉu tio estas rapida aŭto?“
„Jes, kompreneble,“ - respondas la vendisto. „Ĝia rapideco atingas 240 kilometrojn dum horo.“
„Nun vi babilaĉas. Unu horo ne havas tiom da kilometroj!“

*

Policano patrolas nokte en urba parko. El unu arbusto li ekaŭdas ĝemadon. „Kion vi faras tie?“
„Mi seksumas“ - diras vira voĉo el la arbusto.
„Cent kronoj da monpuno!“ diras la policano.
„Kial?“ - ekaŭdiĝas virina voĉo.
„Aha! Vi estas tie du? Do tio kostos ducent!“

*

Policano veturas en Bratislava per tramo, starante kaj tenante unu tenilon. Post momento li demandas kunveturanton: „Pardonu, ĉu Dúbravka estas en tiu direkto?“
„Ne, ĝi troviĝas en mala direkto.“
„Dankon.“ - diris policano, turnis sin en malan direkton kaj ekkaptis alian tenilon...

*

Unu juna viro deziras esti policisto. Ĉe la ekzameno li ricevas demandon: „Imagu, ke vi estas Johano la Stulta, kiu mortigis la drakon. Kiel premion vi povas ricevi aŭ la princinon, aŭ duonon de la reĝolando. Kiun eblecon vi elektus?“
„Duonon de la princino!“
„Bonege! Vi estas akceptita!“*

Policano demandas sian kolegon: „Kiel finiĝis la hieraŭa matĉo?“
„0 : 0“
„Kaj la una duontempo?“
„Mi ne scias, tion mi ne rigardis.“

***???***

Ĉu vi scias, kial la policanoj portas blankan ĉapelon, kaj la blinduloj blankan bastonon? Por ke Dio sciu, de kiu li forprenis menson kaj de kiu vidkapablon.

*

Frumatena dialogo inter du ebriaj policistoj:
„Ĉu vi aŭdas, kiel bele kantas tiu najtingalo?“
„Tio ne estas najtingalo, sed truto.“
„Kio? Ĉu vi estas nenormala? Truto? Je la tria matene?“

*

Mallonge post novjaro ekveturas en Prago policisto per subtera fervojo Metro, kiam en la laŭtparolilo ekaŭdiĝas voĉo: „Sekvonta haltejo: La naŭan de majo.“
La policisto eksaltas el la seĝo kaj kolere ekkrias: „En diablon! Ĝis tiam ĝi ne haltos?“

*

Policestro anoncas al sia korpuso: „Knaboj, morgaŭ ni iros al la ‘Geedziĝo de Figaro’.
La sekvantan tagon ĉiuj venas bele vestitaj, kun florbukedoj. La estro diras al ili kolereme: „Pro Dio, kial vi malpintuloj alportis florojn? Ni ne iras al reala geedziĝo, sed ni vizitos operon!“
Tiam el la angulo ekaŭdiĝas malkuraĝa voĉo: „Kaj pasintfoje kiu do kunprenis fiŝkaptan ekipaĵon, kiam ni iris al ‘Cigna Lago’?“

## *Rakonteto kvazaŭ pri spegulo*

Unufoje la imperiestro vokis al si vasalon, kiu en la imperio estis malbonfame konata pro siaj krueleco kaj avareco. Ĉiu lin timis. La imperiestro diris al li: „Ni volas, ke vi foriru en la mondon, trovu tie kaj alportu al ni vere bonan homon.“ La vasalo respondis: „Jes, sinjoro.“ Kaj obeeme ekvagadis serĉi bonan homon.

Li renkontis multajn homojn, parolis kun ili kaj post ia tempo li revenis al la imperiestro kaj diris al li: „Via Moŝto, mi faris ĉion, kion vi ordonis. En la tuta mondo mi serĉis vere bonan homon. Mi neniun sukcesis trovi. Ĉiuj estas egoismaj kaj malbravuloj. Nenie mi trovis tian homon, kian vi serĉas.“

La imperiestro sendis lin for kaj alvokis alian vasalon, pri kiu estis konate, ke li estas malavara, amikeca kaj la servutuloj lin amas. La imperiestro diris al li: „Kara amiko, ni volas, ke vi ekmigru al la mondo kaj alportu al ni vere malbonan homon.“

Tiu ankaŭ obeis. Dum sia migrado li renkontis multajn homojn kaj parolis kun ili. Post ia tempo li revenis en la imperiestran palacon kaj diris al la imperiestro: „Sinjoro, bedaŭrinde mi ne sukcesis. Ĉiuj homoj estas ja malsingardemaj, eraremaj, kondutas kiel blinduloj, sed mi nenie trovis vere malbonan homon. Eĉ se ili havas siajn mankojn, ĉiuj havas esence bonan koron.“

Bonkora homo en ĉiu proksimulo ektrovas unuavice la Bonon. Malbonulo en ĉiu homo serĉos Malbonon, por demonstri la kialon de sia propra malbona konduto...

## NOVA LERNOLIBRO POR INFANOJ

Ĉu vi ŝatus instrui al via kelkjara fileto Esperanton kaj mankas al vi taŭga lernolibro? Aŭ vi estas agema instruistino, kiu bezonas porinfanajn tekstojn por la kurso en baza lernejo? En Slovakio nenio taŭga aperis jam de jaroj, sed jen uzebla materialo el Ĉeĥio. Ĝi titoliĝas: ***Esperanto pro děti*** kaj eldonita estis de KAVA-PECH, DOBŘICHOVICE, en 2003.




La aŭtorino Jana MELICHÁRKOVÁ elektis 29 temojn (ekz. *Salutoj*, *Kio estas tio?*, *Familio*, *Nombroj*, *Korpo*, ktp.) kaj al ĉiu el ili dediĉis unu paĝon. La uzataj vortoj aperas en Esperanto kaj en la ĉeĥa, la frazoj nur Esperante. Ĉiupaĝe estas belaj, klaraj ilustraĵoj de Miroslava TOMEČKOVÁ. Sur paĝoj 44 - 59 estas simplaj poemoj kaj fabeloj kun ilustraĵoj. Por helpi la instruanton aperas ĉeĥlingve du paĝoj da metodologiaj konsiloj pri la ebloj uzi la eldonaĵon. Aldone sekvas 12 nenumerigitaj paĝoj de eltondeblaj kartoj kun simplaj bildoj kolorigeblaj, priskribeblaj, kopieblaj...

**Se vi ŝatus aĉeti la libron, informiĝu ĉe Alica KOMLÓŠI (Rovníková 6, 821 02 BRATISLAVA) aŭ rekte ĉe KAVA-PECH (Anglická 878, CZ 252 29 DOBŘICHOVICE)**

## PROMOCIO DE ESPERANTO

Ĉiutage mi uzas mian aŭtomobilon. Kial ne informi pere de ĝi pri Esperanto? Tial mi produktis (kun la helpo de mia amiko) subilojn por la registro-tabuloj kun Esperanta slogano ***Lingvo internacia * ESPERANTO * Lingvo Internacia***, preparitajn laŭ eŭropaj normoj. Du subiloj rektangulaj kostas nur kvin eŭrojn plus sendokostoj (ne pli ol pluaj kvin eŭroj).




**Se vi volus ricevi tiujn tabulojn por via aŭtomobilo, bonvolu kontaktiĝi kun Stanislaw MANDRAK <*staman@esperanto.pl*>**

## PRI LA SLOVAKA SEKCIO DE IKUE

IKUE (Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista) havas kelkajn naciajn sekciojn. La plej multnombraj estas la ĉeĥa kaj itala sekcioj. En Slovakio landa sekcio de IKUE havas ĉirkaŭ 50 membroj, do sufiĉe malmulte; tamen ĝi estas tre aktiva. Kune kun la ĉeĥa sekcio de IKUE ĝi organizas komunajn buskaravanojn al la IKUE-kongreslokoj. Ekzemple al RIMINI, Italio, ZAGREBO, Kroatio kaj nunjare al KRETINGA, Litovio. Krome ĝi ankaŭ ĉiujare okazigas komunajn renkontiĝojn de ĉeĥa kaj slovaka sekcioj en diversaj urboj de Ĉeĥio aŭ Slovakio. IKUE-renkontiĝoj en BRATISLAVA okazadas ĉiun lastan merkredon de ĉiu monato en la dioceza domo *QUO VADIS*, Hurbanovo nám. (apud la preĝejo de la Sankta Triunuo) inter la 17-a kaj 19-a horoj. La programo inkluzivas legadon el la Biblio kaj novaĵojn el la ekumena vivo. La prezidantino de la slovaka sekcio estas PhDr. Magda ŠATUROVÁ. La spirita gvidanto estas jezuita pastro P. Alojz DLUGI, SJ. La sekcio neregule eldonas malgrandan bultenon titolitan *IKUE-kuriero en Slovakio*. Slovaka sekcio de IKUE estas agnoskita kiel laika eklezia organizaĵo kaj ĝi kunlaboras kun la Komitato por laikoj de la slovaka Konferenco de episkopoj.

## DISSENDO-LISTO DE IKUE

En la interreto ekzistas ankaŭ dissendo-listo de IKUE, kiu celas disvastigadon de informoj pri IKUE kaj interŝanĝon de ideoj ne nur inter IKUE-membroj. La adreso por aliĝi al la listo estas: <ikue@yahoogroups.com>. La listo estas malfermita por ĉiuj, ĉu membroj de IKUE aŭ ne.

## RADIO VATIKANA

Jam pli ol 25 jarojn elsendas *Radio Vatikana* ankaŭ esperantlingve. Se ni volas, ke ĉi tiuj elsendoj plu ekzistu, ni aŭskultu ilin kaj sendu mallongan raporton al la Esperanto-redakcio de *Radio Vatikana*, ĉar ĉiuj leteroj kaj reagoj estas tre valoraj por montri, ke ĉi tiuj regulaj elsendoj havas sian aŭskultantaron. La elsendoj okazas en tri tagoj de la semajno en la sama horo 21.20 - dimanĉe mezonde 527 kaj 1530 kHz kaj kurtonde 4005 kaj 5885 kHz, merkrede kaj ĵaŭde mezonde 1260 kaj 1611 kHz kaj kurtonde 7250 kaj 9645 kHz.

**La adreso de Esperanto-redakcio estas: Radio Vatikana - Esperanto-redakcio SCV-00120 Citta del Vatikano** aŭ **elektronike: <esperanto@vatiradio.va>**

## IKUE-KONGRESO EN LITOVIO

Ĉijara kongreso de IKUE okazos de la 3-a ĝis la 10-a de julio en tre bela urbo KRETINGA, Litovio, tre proksime al la Balta maro. La temo de la kongreso estas: *La malbonon venku per la bono*. Estas preparita tre interesa religia kaj turisma programoj. La ĉeĥa sekcio de IKUE organizas la buskaravanon al la kongresloko kaj pretas kunpreni ankaŭ slovakajn partoprenontojn.

**La informoj haveblas ĉe: Miloš ŠVÁČEK, Tršická 6, 751 27 PENČICE, Ĉeĥio.**

*La paĝon preparas Pavol PETRÍK*

## ZAMENHOFA ESPERANTO-OBJEKTO EN BÁČ

**Inter DUNAJSKÁ STREDA kaj ŠAMORÍN troviĝas eta vilaĝo BÁČ, konata kiel pilgrimloko. En la tiea barokstila preĝejo estas mirakla bildo pri Virgulino Maria, al kiu venadas kredantoj ne nur el Slovakio, sed ankaŭ el la najbaraj Hungario kaj Aŭstrio.**

**Ĉi-loko estas interesa ankaŭ el Esperanta vidpunkto, ĉar ekde la jaro 2000 troviĝas tie unu el nemultaj slovakaj Zamenhofaj E-objektoj (ZEO-j): Esperantlingva teksto sur la bonveniga tabulo. Ĝi ŝuldiĝas al la iniciato de s-ino Magda ŠATUROVÁ. Jen kiel ŝi rememoras:**




***„Dum miaj oftaj interparoladoj kun la loka paroĥestro ThD-ro Štefan MOROVICS pri lia intenco starigi memorigan tabulon ĉe la enireja pordego en la preĝejan parkon, mi demandis lin, ĉu ne povus esti tie ankaŭ esperantlingva tekstvo. Li mem, kiel paroĥestro, pagis la elspezojn por la tabulo."***

**Konatiĝu kun la historio de la bildo:**

**Kamparula knabo Martin LISZKAY el vilaĝo DOBROHOŠŤ falis kaj estis surtretita de ĉaro, tirata de bovoj. Post duonjara kuŝado li petis la helpon de la Virgulino Maria, al kiu li promesis kaze de resaniĝo farigi ŝian pentraĵon. Post tio lia stato rapide pliboniĝis kaj Martin resaniĝis. Laŭ sia promeso li mendis ĉe bratislava pentristo bildon pri la Virgulino, kiun oni pendigis malantaŭ la ĉefan altaron en monaĥejo de vilaĝo SANKTA ANTONO. Tio okazis en 1703.**

**La 19-an de junio 1715 preĝis antaŭ ĉi-bildo monaĥo Klement JANCSIKOVICS kaj mirigite rimarkis, ke la surbilda Virgulino Maria larmas sango-larmojn. La miraklo kelkfoje ripetiĝis, pluraj atestis ĝin kaj post longa esplorado la tiama Ĉefepiskopo de ESZTERGOM decidis, ke la mirakla bildo estu disponigata al publika adorado. De tiu tempo (1716) ĉiujare amase migras al SANKTA ANTONO pilgrimantoj, por peti la helpon de la Virgulino.**

**La lokaj franciskanaj monaĥoj notis milojn da konfesprenoj kaj gardis ne nur la miraklan bildon, sed kiel relikvion ankaŭ kelkajn gutojn de la sango-larmoj, ensorbitaj en ŝtofon. La historio tenas ankaŭ plurajn nomojn de resaniĝintaj homoj, kiujn helpis la pilgrimado al la mirakla loko. Multaj el ili lasis siajn lambastonojn surloke, ĉar por reiri el S-TA ANTONO ili fariĝis ne plu necesaj.**



**Kelkaj informoj aldone:**

**La konstruado de la preĝejo de SANKTA ANTONO kaj de la monaĥejo por la franciskanaj monaĥoj en vilaĝo BÁČ komenciĝis en 1666. La iniciatinto estis Georg LIPPAY, la Ĉefepiskopo de ESZTERGOM.**

**La monaĥejo estas kvarangula, unuetaĝa konstruaĵo, ĉirkaŭita de alta muro. Ĝi travivis militojn, pest-epidemiojn, malplenigojn... Nun vivas tie pluraj dekoj de ordenaj fratulinoj.**

**La preĝejeto eltenis ĝis 1855, kiam pro ĝia malsekura stato necesis malkonstrui ĝin. El la ruinaĵoj kaj el la digeto apud la rivereto BARČ estis farita monteto surpinte kun tri krucoj.**

**Viziti la lokon indas do pro pluraj kialoj. Surloke volonte akceptos vin dekano ThDr. Štefan MOROVICS kaj la animzorganto de la IKUE-sekcio en Slovakio, pastro Alojz DLUGI, al kiu ni aparte dankas pro la rivelitaj materialoj.**

**Katarína STEELE**

## AŬSKULTU LA HISPANAN REDAKCION DE RADIO SLOVAKA INTERNACIA
AŬ KIEL TROVI AMIKON EL HONDURO

*Fine de novembro 2003 mi kun surprizo legis en la retlisto LANDA AGADO, ke letero de hondurano **Elmer ESCOTO**, temanta inter alie ankaŭ pri Esperanto, estis legita en la elsendo de Slovaka Radio. Honduro estas lando en meza Ameriko (kontrolu en la mapo!), kiel eblas rilato inter ĝi kaj nia lando?*
*Mia scivolemo instigis min trovi la retadreson de la „stranga“ s-ro ESCOTO kaj sendi al li retmesaĝan peton pri klarigo.*
*Imagu, jam la saman tagon alvenis respondo, komencante inter ni du viglan leterinterŝanĝon. Legu ankaŭ vi:*

Elmer skribis:

De jaroj mi ŝatas aŭskulti forajn radiostaciojn per mallongonda radioricevilo. Pro tio mi kutime aŭskultas radioelsendojn el la plej diversaj landoj. Kaj al kelkaj tiuj radiostacioj mi ofte skribas leterojn, mi informas ilin pri la kvalito de la ricevado, mi komentas pri la programeroj, sugestas enhavojn, kaj iom parolas pri mi mem kaj pri mia lando.

Mi skribis kelkajn leterojn por la hispana redakcio de *Radio Slovaka Internacia* kaj unue mi min prezentis kaj sendis ricevad-raportojn. Fariĝinte pli ofta letersendanto mi akiris amikecon kun la redaktorinoj, kiuj tre bone parolas mian lingvon, la hispanan (ĉar mi skribas al la hispana redakcio de RSI). Kaj finfine mi kuraĝis fari sugestojn pri la enhavo de estontaj programeroj. Ili jam havas rubrikon temantan pri la vivo de slovakoj, pri iliaj profesioj, pri iliaj hobioj, ktp. Oni intervjuas slovakojn kaj slovakinojn, kaj tiamaniere ili diskonigas la slovakajn kulturon, morojn kaj vivmanieron.

Al tiu rubriko mi faris sugeston, ke ili prezentu al la hispanparolanta aŭskultantaro gravan parton de la kultura vivo de slovakoj, kia estas la fenomeno Esperanto en Slovakio. Dum legado de mia letero ili menciis, ke Esperanto estis populara afero en Slovakio, kaj ke multegaj geslovakoj lernis la lingvon pro ĝiaj ecoj kaj pro la idearo malantaŭ ĝi, kaj iomete parolis pri la nuna stato de la afero en la lando. Ĉar mia letero estis legita en porletera programo, oni ne multe etendiĝis pri la temoj sugestitaj, ĉar ili devis legi leterojn ankaŭ de aliaj aŭskultantoj, sed ili promesis prepari specialan programon pri Esperanto en Slovakio kaj pli profunde esplori la aferon, kontakti la landan asocion, por bone informi al la tuta aŭskultantaro. Menciindas, ke *Radio Slovaka Internacia* havas tre multnombran aŭskultantaron tra Hispanio kaj la tuta Ameriko. La hispana redakcio ricevas pli ol 600 leterojn ĉiumonate. Kaj tiuj 600 leter-skribantoj estas nur malgranda parto de la aŭskultantaro... ja la plejmulto de la aŭskultantoj neniam aŭ nur tre malofte kuraĝas skribi.

Ĝis nun ili ne ankoraŭ faris tiun programon, sed kiam tio okazos, mi nepre informos pri la horaro, frekvencoj kaj areoj, je kiuj la programo povos esti aŭskultata. Kaj fakte ne temas pri „mia“ apero en tiu programo, sed pri la E-movado en Slovakio, eble kun kelkaj intervjuoj. Estus bonege, se la Slovaka E-

Asocio sin volonte prezentus al Radio Slovakio Internacia ĉe BRATISLAVO, kaj informus al la redaktorinoj de la hispana sekcio. Mi profitas la okazon por sugesti al aliaj radio-aŭskultantoj - esperantistoj skribi al siaj preferataj radiostacioj (ne nepre devas esti al Esperanta-redakcio, sed ekzemple, portugalparolantoj al la portugala redakcio; francparolantoj al la franca redakcio, kaj tiel plu) kun sugesto prepari programon pri Esperanto en siaj landoj. Ja internaciaj radiostacioj prenas sugestojn de siaj aŭskultantoj kaj bonvole plenumas iliajn petojn, des pli se temas pri la vivo de samlandanoj por diskonigi tra la mondo.

Samspecajn leterojn mi sendis ankaŭ al aliaj radiostacioj, kiaj *Radio Nederlando*, *Ekstera Radio de Hispanio*, *La Voĉo de Rusio*, *Radio Japanio Internacia*, kaj aliaj.

Mirigite kaj ĝojigite pri la interesa korespondamiko mi tuj superŝutis lin per pliaj demandoj rilate liajn esperantistecon kaj rilaton al Slovakio. Jen eltiraĵo el liaj sekvaj retleteroj:

Pri Slovakio mi scias, ke ĝi estas belega lando, kun belegaj montoj, ke la homoj tie estas tre afablaj kaj gastamaj, mi scias pri ĝiaj malnovaj, tamen bonegaj kaj prestiĝaj universitatoj, mi iom scias pri la tradiciaj manĝaĵoj kaj artaĵoj, iom pri ĝia historio. Fakte, ĝi estas la lando, kiun mi ŝatus viziti kiel eble plej baldaŭ... Ankaŭ la slovakan lingvon mi ŝategas, pro ĝia belsoneco. Mi scias pri la belegaj Tatraj montoj...

Esperanton mi lernis dum aprilo-majo 2001. Mi malsaniĝis je hepatito kaj preskaŭ du monatojn devis resti izolite en mia dormoĉambro. Tiam venis en mian manon lernolibro pri Esperanto, aĉetita antaŭ kvar jaroj. Mi „flugis“ tra la lecionoj...



Nun scias pri Esperanto tuta mia familio (edzino kaj kvar infanoj), sed mi decidis ne trudi ĝin al ili riskante, ke ili malamos ĝin anstataŭ entuziasmiĝi pri ĝi. En Esperanto mi alparolas nur mian plej junan filinon (9-jara), sed ŝi respondas al mi en la hispana.

Kaj kiel aspektas tiu interesa hondura esperantisto Elmer? Je mia peto li sendis al mi sian foton; jen ĝi!

*Nun mi estas atendanta lian averton pri la priesperanta elsendo de Radio Slovaka kaj kune kun vi ankaŭ lian viziton de nia lando. Ĉu ni dume ne povus telefoni al Radio Slovaka...?*

**Katarína STEELE**

## HEINZ SCHINDLER

La 8-an de marto elsendis *Ĉina Radio Internacia* ampleksan intervjuon kun nia kolego Heinz SCHINDLER, surbendigitan dum la 88-a UK en GOTENBURGO. La elsendo estas aŭdebla ĉe <www.radioarkivo.org>.

**Leopold PATEK, AT**

## KUNVENO OKAZE DE SIA EN VIENO

Iomete pli frue, tamen omaĝe al okazantaj aranĝoj honore al Semajno de Internacia Amikeco (SIA) aranĝis Aŭstria Fervojista E-Federacio (AFEF) komune kun Aŭstria Esperanta Federacio marde la 10-an de februaro en VIENO amikan renkontiĝon de aŭstriaj E-organizoj. Invititaj estis reprezentantoj de Internacia Esperanta Muzeo en VIENO kaj de E-organizoj el najbaraj landoj.

Ĉefa programo estis faka prelego kun diapozitivoj de la AFEF-prezidanto inĝ. Walter HUBER pri „Rumanio 2003“. En alia parto sinjoro Emil VOKAL, la vicprezidanto de AEF, raportis pri SIA kaj informis pri la agado de AEF. Oni krome aŭskultis informojn pri kolektoj de la IEM en VIENO, raporton pri streboj enkonduki Esperanton en Eŭropa Parlamento kaj en Eŭropa Unio kiel neŭtralan duan lingvon por ĉiuj kaj konsili ĝian instruadon en la lernejoj.

Dum salutvortoj fare de eksterlandaj partoprenantoj Jindřich TOMÍŠEK salutis en la nomo de Ĉeĥa sekcio IFEF ĉe FISAIC ČD kaj IFEF mem kaj koncize raportis pri preparataj aranĝoj de la ambaŭ organizoj, nome la 56-a IFEF-kongreso organizata la 8-an ĝis 15-an de majo en SOPRON, Hungario kaj pri la Printempa konferenco de la Ĉeĥa sekcio IFEF - FISAIC ČD okazonta 28. - 30. 5. 2004 en OSOBLAHA aŭ en KRNOV en Norda Moravio.

Fine la eksterlandaj partoprenantoj ricevis donace por memoro moneron, eldonitan de Aŭstrio, en valoro du eŭroj kun portreto de baronino Bertha von SUTTNER, naskiĝinta la 9-an de junio 1843 en PRAHA kiel filino de la grafo František Josef KINSKÝ, la aŭstria verkistino, pacifistino kaj organizantino de la paca movado, la unua virino en la mondo, kiu en la jaro 1905 ricevis la Nobelpremion por paco. Ŝia programromano *Die Waffen nieder!* (Senarmigu!) el la jaro 1889 estis tradukita en 16 lingvojn. Iomete nekonata restas la fakto, ke Bertha von SUTTNER favore opiniis pri enkonduko de Esperanto kiel deviga lernobjekto al ĉiuj lernejoj de la mondo. Atestas tion ŝia eldiro: „Mi opinias, ke Esperanto kiel deviga lernobjekto devas esti enkondukita al ĉiuj lernejoj de la mondo!“

**Jindřich TOMÍŠEK, CZ**

## NOVA FAKA LIBRO KUN RESUMO EN ESPERANTO

Konstanta muzea ekspoziciejo de la komunikada kaj sekureca tekniko en HRADEC KRÁLOVÉ sub patronado de Ĉeĥaj Fervojoj ĈD eldonis en la jaro 2003 interesan, riĉe ilustritan kaj plaĉe binditan gvidlibron verkitan de inĝ. Ivo LÁNÍČEK kun titolo *Muzejní expozice sdělovací a zabezpečovací techniky Hradec Králové*. La interesa 152-paĝa libro estas bona gvidilo tra la plej longdaŭra, kaj en la meza Eŭropo unika, kolekto de fervoja telekomunikada, sekureca tekniko kaj rilata teknika dokumentaro. La libro enhavas po kvarpaĝaj resumoj ne nur en la lingvoj angla, germana kaj rusa, sed ankaŭ en Esperanto!

**Jindřich TOMÍŠEK, CZ**

## NOVA ESPERANTO-BULGARA TEKNIKA VORTARO ELDONITA

Kvarmembra kolektivo de la bulgaraj fervojistaj fakuloj Enju ENEV, Tonĉo VALEV, Veselka KAMBUROVA kaj Penka DILOVA preparis por eldono la novan fakan *Esperanto-Bulgara Teknika Vortaro*. La unua eldono eldonita en SOFIO fine de 2003 enhavas 200 paĝojn kun pli ol sep mil fakaj, precipe fervojtemaj terminoj. Post plenumo de la antaŭmendoj restas dispone ĉirkaŭ 400 ekzempleroj de la libro. Interesuloj pri aĉeto de tiu ĉi faka verko povas mendi ĝin kontraŭ dek eŭroj (inkluzive sendokostoj) je adreso: *Bulgara Fervojista Sekcio de BEA, Ĝenerala Direkcio BDŽ EAD, inĝ. Veselka KAMBUROVA, strato Ivan Vazov 3, BG – 1080 SOFIO, Bulgario.*

**FS ĈEA**

*La paĝon preparas Magdaléna FEIFIČOVÁ*

## KVINDEK JAROJN ESPERANTISTO



**Bratislavano František POBOČEK naskiĝis la *9-an de majo 1934* en BOJNIČKY (distrikto HLOHOVEC). Kiel junulo li frekventis fak-lernejon en PRAHA. Foje, promenante tra la urbo, li rimarkis afiŝon pri Esperanto kaj sekve li partoprenis Cseh-metodan kurson pri la lingvo. Post tio, de 1954, li nomas sin esperantisto.**

**Sekvis Someraj E-Lernejoj en DOKSY, en VRANOV ĈE ZNOJMO (dufoje) kaj en DUDINCE.**

**Kiel plej gravaj li konsideras la jarojn en moravia urbo ODRY (distrikto NOVÝ JIČÍN). Tie li jam mem instruis Esperanton kadre de kursoj en la loka lernejo. Krom infanoj li okupiĝis ankaŭ pri plenkreskuloj, kun kiuj li fondis E-klubon (prezidis ĝin dum 1957 – 1965), kaj sukcese aktivis en la regionoj OSTRAVA kaj OLOMOUC.**

**Komence li estis membro de la Ĉeĥa E-Asocio, post la translokiĝo al Slovakio ano de SEA kaj ankaŭ de UEA, ĝis la pasinta jaro fak-delegito pri sporto kaj turismo.**

**Al la diversaj E-aranĝoj, inter ili du UK-oj, akompanis s-ron POBOČEK lia edzino. Ŝi simpatias kun Esperanto kaj volonte zorgis pri la E-gastoj el Britio, Hispanio, Japanio, ktp. La filino de s-ro POBOČEK ne nur lernis la lingvon, sed ankaŭ havas rajtigilon instrui ĝin.**



*Nuntempe emeritulo František POBOČEK volonte ĝardenumas kaj ĝuas la kuneston kun sia trijara nepino. Okaze de lia 70-jariĝo ni elkore gratulas lin kaj deziras al li ankoraŭ multajn jarojn en plena sano kaj feliĉo.*

**Katarína STEELE**

Österreichische Nationalbibliothek

*En tiu ĉi jaro Internacia Esperanto-Muzeo (IEM) festas jubileon: antaŭ 75 jaroj ĝi fariĝis parto de la Aŭstria Nacia Biblioteko. Estas unika fakto, ke Nacia Biblioteko oficiale vivtenas Esperanto-muzeon kaj Esperanto-bibliotekon. Pro tiu subteno IEM fariĝis la plej granda plene funkcianta biblioteko por Esperanto kaj Interlingvistiko, tute je la servo de esperantistoj kaj lingvistoj. Ĝia elektronika katalogo (TROVANTO) estas alirebla pere de nia hejmpaĝo <http://www.onb.ac.at/sammlungen/plansprachen/eo/index.htm>.*

## ESPERANTO EN LA URAGANO DE IDEOLOGIOJ
(INTERNACIA ESPERANTO-SIMPOZIO EN LA AŬSTRIA NACIA BIBLIOTEKO)

La 8-an kaj 9-an de oktobro 2004 la Aŭstria Nacia Biblioteko en kunlaboro kun Universala Esperanto-Asocio organizos simpozion okaze de du Esperanto-jubileoj: la centa datreveno de la naskiĝo de Lidia ZAMENHOF (1904 – 1942) kaj la 75-jariĝo de la Internacia Esperanto-Muzeo (IEM, aligita al la Aŭstria Nacia Biblioteko en 1929).

Prelegos Ulrich LINS (Germanio/Japanio, ĉefpreleganto), Vilmos BENCZIK (Hungario), Wera kaj Detlev BLANKE (Germanio), Heiner EICHNER (universitato de VIENO, Aŭstrio), Alex KAEFER (Aŭstrio), Herbert MAYER (IEM, Aŭstrio), Claude PIRON (Svisio).

La historio de Esperanto kaj la sorto de esperantistoj estas firme ligita al la ĝenerala historia evoluo. Verki historion de Esperanto signifas verki kadre de la historio de la mondo. Tion montris Ulrich LINS per *La danĝera lingvo. Studo pri la persekutoj kontraŭ Esperanto*. Esperanto do ne estas io ekzotika kaj marĝena, kiel foje opinias la ĝenerala publiko, sed ĝi estas integra parto de historiaj evoluoj. Tiu fakto estas la elirpunkto de la simpozio, kiu pritraktas la destinon de Esperanto en la politikaj-ideologiaj uraganoj de la pasinta jarcento, fokusante interalie la atenton al la sorto de Lidia ZAMENHOF (murdita en la koncentrejo TREBLINKA en 1942) kaj de la Internacia Esperanto-Muzeo (fermita en 1938 fare de la nazioj). Apud tio pritraktiĝos ankaŭ temoj, kiuj tuŝas la nuntempon: Kia estas hodiaŭ la situacio de Esperanto en la mondo? Kiel aspektas la rilato inter Esperanto kaj la nunaj politikaj regantoj? Kiel kondutu la esperantistoj en mondo, kiu almenaŭ en la publika diskurso ege malfavoras la ideon de artefarita internacia helplingvo, sed aliflanke pere de modernaj teknologioj ofertas novajn eblecojn?

Laborlingvo dum la unua duontago de la simpozio estos la germana por la ne-Esperanta publiko – la cetero disvolviĝos en Esperanto.

Paralele okazos: malfermo de ekspozicio pri la sama temo en la Internacia Esperanto-Muzeo, prezento de la noveldonita plena verkaro de Lidia ZAMENHOF kaj internacia Cseh-kurso por tutkomencantoj. (La germana nomo de la aranĝo estas: *Die gefährliche Sprache*).

Partoprenkotizo: 50 eŭroj, por studentoj kaj lernantoj 35 eŭroj. Aliĝo: <plansprachen@onb.ac.at>

**Christian CIMPA**
**Internacia Esperanto-Muzeo Hofburg, Michaelerkuppel, AT-1010 VIENO**

* * *

E-Centro por baz- kaj pluklerigado en HERZBERG/HARZ, Germanio <www.Esperanto-Zentrum.de>, nova oficiala centro de GEA kaj UEA, organizas: kursojn de baza lingvolernado ĝis klerigado de Esperanto-instruistoj * specialajn kursojn por aktivuloj, klub- kaj kursgvidantoj * perfektigon por sukcesaj ekzamenoj * studsesiojn pri lingvistiko, literaturo, kulturo, varbado, instrumetodoj, ktp. * estas ekzamencentro ekz. por IEI (ekzamenebleco por fariĝi Cseh-instruisto, ktp).

Novfondita Esperanto Arkivo kaj Interkultura Muzeo *Esperanto kaj aliaj lingvoj* enhavas: fakajn kaj movadajn gazetojn, periodaĵojn * Esperanto-bibliotekon (literaturaj kaj lingvistikaj verkoj, vortaroj, faklibroj, ktp) * videofilmojn, kasedojn, kompaktdiskojn * instruhelpilojn, ludilojn * esperantaĵojn.

Venu por viziti aŭ studi!

Sekvontaj seminarioj: en 2004: 08. – 10. oktobro (21-a studsesio) * 10. – 12. decembro (22-a studsesio); en 2005: 25. – 28. marto (23-a studsesio) * 13. – 16. majo (24-a studsesio). *Kotizo: 39 euroj po studsesio, senpaga por gejunuloj (malpli ol 25 jaraj).*

**Anoncu vin ĉe: * DE – 374 12 HERZBERG AM HARZ, Grubenhagenstr. 8;**
**' 05521-1363, aŭ 05521-71123; " <zilvar@t-online.de>**

## PRI KELKAJ ESPERANTO-EVENTOJ EN CZ KAJ SK

- § 2004.06.19.: Infana Esperanto-Tago en Svitavy * inf.: <dvorakovalibuse@quick.cz>
- § 2004.07.04/17, 07.18/31, 08.01/14: tri etapoj de tradicia SET (Somera Esperanto-Tendaro kun instruo de Esperanto) en LANČOV, kun aldona: 2004.08.13/15 Renkotiĝo de ekstendaranoj * inf.: <podhradska@volny.cz>
- § 2004.08.07: inaŭguro de E-ekspozicio en Agrikultura muzeo en VALTICE * inf.: <nzm@cmail.cz>
- § 2004.08.7/14: Katolika tendaro SEBRANICE * inf.: <svacekm@quick.cz>
- § 2004.07.31-08.07: KELI kongreso en BYSTŘICE POD HOSTÝNEM * inf.: <cea.polnicky@quick.cz>
- § 2004.08.14/21: SAT-kongreso en BRATISLAVA (Sennacieca Asocio Tutmonda) * inf.: <chrdle@kava-pech.cz>
- § 2004.08.14/21: ILEI-konferenco en BRATISLAVA (Internacia Ligo de Esperanto-Instruistoj) * inf.: <chrdle@kava-pech.cz>
- § 2004.08.21/28: Turisma semajno en PRAGO kun ekskurso al BOHEMIA KARSTO * inf.: <chrdle@kava-pech.cz>
- § 2004.08.14/24: la 13-a Refreŝiga E-tendaro NEKVASOVY * inf.: <esperantoplzen@centrum.cz>
- § 2004.08.24/29: Internacia E-Renkontiĝo de AEH-IKEH en PARDUBICE-RYBITVÍ * inf.: <aeh-ikeh@volny.cz>
- § 2004.10.01/03: 17-a Internacia kultura festivalo ÚSTÍ N/LABEM * inf.: <m.smycka@seznam.cz>
- § 2004.11.05/07: Konferenco de ĈEA en OLOMOUC * inf.: <cea.polnicky@quick.cz>
- § 2004.11.12/14: KAEST 04, Konferenco Aplikoj de Esperanto en Scienco kaj Tekniko en DOBŘICHOVICE kun ĉeftemo pri E-terminologio * inf.: <chrdle@kava-pech.cz>
- § 2004.11.27/28: Omaĝo al ora duopo el BRNO - Cent jaroj de post la naskiĝo de Josef VONDROUŠEK kaj Vilibald SCHEIBER. Renkontiĝo de sudmoraviaj esperantistoj * inf.: <podhradska@volny.cz>
- § 2004.11.29/12-05: INTEKO 2004 - Internacia E-kurso en DOBŘICHOVICE (por progresintoj kaj komencantoj) * inf: <chrdle@kava-pech.cz>
- § 2004.12.11: Ĉeĥa-Saksa Tago en ÚSTÍ NAD LABEM * inf.: <m.smycka@seznam.cz>

## AL LA FAMA INTERNACIA FESTIVALO SUBVENCIATE

La plej fama aranĝo por familioj kaj personoj 25 - 55 jaraĝaj invitas vin al la **21-a IF**, ĉi-foje en MAGDEBURG. Partoprenu ankaŭ vi en la internacia rondo de ĉ. 200 personoj el 20 landoj **inter la 27-a de decembro 2004 kaj 3-a de januaro 2005.**

La nunjara kadra temo estos ‘tradicioj’. Ĉu vi deziras informi pri moroj, ritoj kaj kutimoj en via lando? Viaj kontribuoj estas bonvenaj, ne nur pri kadra, ankaŭ pri laŭdezira temo aŭ kurso. IF estas seminario por lingve spertaj personoj. Okazas paroligaj kursoj, ekz. por via partnerino, sed vi komprenu, ke tie oni ne ŝatas ‘krokodilojn’.

*Subvenciojn kaj stipendiojn (por lingve spertaj personoj) oni donas al aliĝintoj el nepagipovaj kaj reformaj landoj laŭ partoprennombro kaj programkontribuo. Bonvolu priskribi vian kontribuon!*

**Aliĝu ĉe: Hans-Dieter PLATZ, Postfach 1148, DE 343 03 NIEDENSTEIN, Germanio**
**tel./fakso: 05624-8007, portebla telefono: 0171-4964558**
**rete: <HDP@internacia-festivalo.de>, en interreto: <www.internacia-festivalo.de>**

## PLUA EMINENTA ESPERANTISTO FORPASIS



### INĜ. VLADIMÍR NĚMEC

* 16. 07. 1941, METYLOVICE *(DISTR. FRÝDEK MÍSTEK)*
† 06. 05. 2004, ŽILINA

**Kun granda bedaŭro ni anoncas, ke la 6-an de majo 2004 vespere forlasis nin por ĉiam eminenta esperantisto, grava persono de slovaka Esperanto-movado kaj multjara animo de Esperanto-klubo en ŽILINA Vladimír NĚMEC en la aĝo de neĝisvivitaj 63 jaroj.**

### LA ADIAŬA PAROLADO DE JURAJ GONDŽÚR

*Estimata tristanta familio, estimataj ĉeestantoj!*

*Permesu al mi adiaŭi kun nia Láďo en la nomo de slovakaj esperantistoj, en la nomo de la movado, al kiu li dediĉis tutan sian vivon.*

*E-movado klopodas pri interkompreniĝo inter la homoj kaj nacioj per uzado de ununura, al ĉiuj proksima kaj komprenebla lingvo. Al ĉi belega ideo dediĉis sin Vlado ek de siaj 18 jaroj.*

*Verŝajne ne ekzistas en Slovakio homo interesiĝanta pri Esperanto, kiu ne konus lian nomon. Li skribis la E-lernolibrojn kaj entuziasme mem instruis ĝin. Li laboris kiel regiona prezidanto kaj dum multaj jarojn en la gvidado de slovaka E-movado, por kio li ricevis arĝentan medalon de SEA. Li prelegis en internacia medio pri la organizado de la movado, same kiel en la fakaj internaciaj konferencoj, li reprezentis Slovakion en konsultiĝoj de la reprezentantoj de la mezeŭropaj landoj. Li intensive laboris ankaŭ en la katolika E-movado. Li partoprenis multajn mondajn E-kongresojn kaj ofte akceptis la vizitojn de esperantistoj el aliaj landoj.*

*Precipe li grave influis E-movadon en ŽILINA kaj ties ĉirkaŭaĵo. Li iniciatis kaj movigis preskaŭ ĉiujn aranĝojn. La plejparto el ni estis liaj lernantoj. Li agis kiel kluba prezidanto, instruisto, redaktoro de la bulteno, kiu senĉese estas eldonata ek de la jaro 1971. Li organizis ege popularajn Turismajn Tagojn en ŽILINA, fakajn seminariojn, E-kongresojn. Li skribis inform-bultenon pri E-movado en ŽILINA. Esperanton li instruis ĉiujn siajn familianojn.*

*Láďo, ni dankas al vi por ĉio, kion vi donis al ni, kaj ni volas niajn komunajn idealojn plu daŭrigi. Vi jam ne plu estas kun ni, sed via verko daŭros.*

***Honoro al via memoro!***



Ni volas esprimi nian elkoran dankon al ĉiuj esperantistaj geamikoj kaj eminentuloj, kiuj akompanis mian edzon dum lia lasta vojo. Precipe ni dankas por la adiaŭaj vortoj al Juraj GONDŽÚR, Magda ŠATUROVÁ kaj Miloš ŠVÁČEK.

Same ni kore dankas al ĉiuj esperantistoj, kiuj vizitadis lin en la malsanulejo kaj subtenis lin en lia batalo kun la kruela malsano.

**Anna NĚMCOVÁ kun familio**

**@** *Mi urĝe devas mencii, kiel bona estas Esperantisto Slovaka 4/2003. Estas granda ĝojo legi tiel bonajn artikolojn. Imagu, mi kopiis la novjardezirojn kaj ĉiam bedaŭris, ke la linioj ne estas de mi, sed de fakuloj de ES! Intertempe mi legas diversajn gazetojn kaj mi konstatas, ke la via estas tre bona. Ĉu tiuj frazojn fierigas vin iom? Vi ja ŝajne laboras tage/nokte por la bona aranĝo. Ankaŭ la fotoj estas en bona kvalito.*

**Inge BARTLING, Warstein, DE**

**@** *...mi tre kore gratulas eldonon de ES 4/2003. Mi ricevis ĝin de s-ano SLÁDEČEK el OSTRAVA kaj mi devas diri, ke la bulteno havas altan nivelon ek de la unua ĝis la lasta paĝo. Tuta bulteno estas laŭenhave tiom riĉa, ĉiu artikolo estas perlo; tiuj belegaj karoloj, aforismoj, leĝoj de Murphy, ktp.! Mi ne povas laŭnome skribi pri ĉiu artikolo, sed mi sincere gratulas tutan redakcion.*

**Helena MAUDROVÁ, Praha, CZ**

**@** *Mi deziras al vi feliĉan paskofeston kaj dankas por la ES 1/004. Laŭ mi mankas la lasta frazo en la tre ŝatata preĝo Patro nia: "Ĉar Via estas la regno kaj la potenco kaj la gloro eterne. Amen". Salutojn de*

**Inge BARTLING, Warstein, DE**

**?** *La filatela kolekto "Babelo estu detruita!" <http://babelo.subito.cc> de James Rezende PITON (CAMPINAS-Brazilo), partoprenas la 10-an BRAPEX - Brazila Filatela Ekspozicio, sub la aŭspicio de la brazila Poŝto kaj brazilaj filatelistoj omaĝe al la 450-jariĝo de urbo SAO PAULO. Priskribante la lingvan problemon kaj la historion de Esperanto per filatela kaj historia materialo tra siaj 80 paĝoj, la kolekto estas unu el la du ricevintaj en tiu BRAPEX la medalon "grandvermejlan". Tiu rango situas sub la ora kaj super la arĝenta medalo kaj rajtigas la kolekton proponi sin al estontaj internaciaj ekspozicioj.*

**Almir FERREIRA, Rio de Janeiro, BR**

**@** *Mi reagas al la artikolo pri la konstruata E-arkivo en PLEVNÍK. Mi volonte vidus ĝin, kontribuus per E-libroj kaj gazetoj, helpus dum brigadoj, ev. skribus pri ĝi artikolon por la revuo Esperanto. Mi petas sendadi al mi informojn pri la planataj laboroj, mi kaj mia edzino Olga ŝatus veni kaj helpi. Amike salutas*

**Stano MARČEK, Martin**

**GRAVA ANONCO**

Ek de ĉi monato **ne plu validas** por Esperanto en ŽILINA
la leterpoŝta poŝtkesta kontaktadreso
pošt. schránka B-152, SK-012 41 ŽILINA.
**Bonvolu uzi la novan kontaktan adreson:**

***Esperanto-klubo en Žilina*** aŭ
***SKEF – Slovakia Esperanto Federacio***
***c/o: Magdaléna FEIFIČOVÁ***
***A. Bernoláka 25/5, SK - 010 01 ŽILINA.***

## ...DE JINDŘICH TOMÍŠEK

*En malsupra figuraĵo bonvolu trovi kaj forstreki ĉiujn malsupre indikitajn vortojn.*
*Ili povas esti trovitaj en ĉiu direkto, do horizontale, vertikale kaj diagonale eĉ retroire.*
*La unuopaj literoj povas esti uzitaj eĉ plurfoje.*
*Post kiam vi forstrekos ĉiujn 30 terminojn, restos 26 neforstrekitaj literoj,*
*kiuj legataj laŭ la linioj formas la solvon de tiu ĉi okdirekta enigmo.*

| | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| O | V | O | A | K | O | K | A | O | G | A | R | O | B |
| R | N | B | T | O | L | A | E | R | E | C | R | E | U |
| O | A | A | R | I | I | L | O | O | R | E | T | S | A |
| O | I | E | I | D | V | S | I | A | T | U | E | O | R |
| N | C | R | A | L | O | G | F | O | L | O | L | T | I |
| A | S | F | E | O | E | A | N | O | R | E | O | O | P |
| T | N | C | P | L | N | E | E | D | A | R | I | R | O |
| O | A | O | I | O | E | N | E | N | T | S | C | A | G |
| R | B | V | I | K | I | C | D | O | T | N | A | K | A |
| B | K | L | S | O | U | R | T | I | O | S | K | L | F |
| A | A | A | U | R | O | T | P | O | O | V | A | G | A |
| D | V | M | A | B | K | O | O | Z | I | R | E | Ĉ | A |

**FORSTREKENDAJ VORTOJ:** abrotano, acero, agavo, akacio, akanto, akvilegio, astero, betulo, borago, brokolo, bulbo, celerio, cedro, cerealo, cikuto, ĉerizo, dalio, dafno, enotero, fagopira, groso, karoto, kokao, liano, malvo, oleandro, olivo, rafano, stipo, vito.

H I H I H

Ĝustan solvon de la vortkrucenigmo el la pasinta numero
**Sano, feliĉo kaj bonhumoro konduku vin en la nova jaro**
sendis Nora CARAGEA el Frankfurt am Main, DE, Darina HOFEREKOVÁ el Liptovský Mikuláš, Zdeněk HRŠEL el Brno, CZ, Pavel MURGAŠ el Banská Bystrica, Mária TOMAŠOVIČOVÁ el Nové Mesto n/Váhom. ***Sinceran gratulon!***

